

# KONGRESA BULTENO

aldono al »ILUSTROWANY KURYER CODZIENNY« al n. 182.

Redakcio, Administracio kaj Ekspedicio
Kraków, str. Karmelicka, l. 16.
Telefono 1198.
Ĉefredaktoro kaj eldonisto *Maryan Dąbrowski.*

Prezo de Nro: 10 helerojn.

La „Kongresa Bulteno" eliras ĉiutage dum la kongresaj tagoj je la 6-a horo vespere.

La redaktanta Komitato: *Leono Zamenhof, L. Kronenberg, F. Pfeffer, A. Czubryński, Mędrkiewicz* kaj *Laura Schleichkorn.*

Nr. 1. KRAKOVO, DIMANĈE LA 11. DE AUGUSTO 1912. Nr. 1.

## Estu bonvenintaj!



La Kreinto de Esperanto
Dro L. L. Zamenhof.

El trankvila laborejo de modesta kaj juna Zamenhof eliris antaŭ jaroj paca verko: Esperanto. Komence ĝi estis mokata kaj ekridata, poste kontraŭbatalata, poste mortigata per la silento, sed la potenca verko kaj ĝia grandega ideo venkis ĉion; kiel antaŭ la suprenirganta suno malaperas la nuboj, tiel ankaŭ antaŭ la forto de l' Espero malaperis ĉiuj baroj kaj kontraustaroj.

Malgranda komence verko, subtenata de ĉiam pli granda aro da neforgeseblaj laborantoj, kreskis ĉiam pli kaj pli, ĉiam pli kaj pli enradikiĝadis en la korojn kaj cerbojn tiel, ke nune ĝi regas milojn da plej veraj gesamideanoj.

Kaj jen 25-a datreveno de Esperanto. Jen la jubilea, unua jubilea, nia kongreso.

Krakovo, spirita metropolo de Polujo, akceptas nunjare nian anaron. Krakovo, urbo de la sama tero, sur kiu nia Majstro vivas kaj sur kiu nia Esperanto unuajn siajn paŝojn komencis.

Do estu bonvenintaj, niaj gesamideanoj. Estu bonvenintaj Vi, niaj fratoj kaj fratinoj ĉiunaciaj, estu bonvenintaj kaj salutataj vi, niaj karaj samcelanoj, estu bonvenintaj Vi, niaj tutmondaj kunlaborantoj.

Krakovo, la sidejo de polaj reĝoj, Vin kore salutas. Krakovo, la ĉefurbo de la nacio, kiu ĉiam scipovis ŝati la sinoferon por la ideo, kiu ĉiam scipovis estimi laboron.

Estu bonvenintaj, karaj gesamideanoj! Estu bonvenintaj por nia unua jubilea kongreso. Eble jam ne venos la dua nia jubilea kongreso, ĉar tiam nia ideo, nia Esperanto, ne apartenos jam nure al esperantistoj, sed al la tuta mondo.

Ke tiu ĉi tempo kiel eble plej baldaŭ alvenu, ni arigadu la fortojn kaj senlace laboru.

Kaj dume sonu ĉie ĉiam pli kaj pli potence nia voko:

Vivu Zamenhof!
Vivu Esperanto!
Vivu internacia kompreniĝo de la popoloj.

*La Redakcio.*

---

**Granda Salono „Stary Teatr" (Malnova Teatro).**

Lunde 12-an de Augusto okazos

## Jubilea Festvespero

Szayer (Ada Sari), opera kantistino; Sino Stanisława Wysocka dramo art.; Sro Wiktor Biegański art. dram.; „Krakova vira horo" sub dir. de Sro W. Barabasz kaj Sro Wallek-Walewski; Orkestro de 100 reg. inf. sub dir. de Sro kapelestro Sitter.

1. *Chopin:* Polonezo A-dur. Orkestro 100 reg.

2. a) *Wallek-Walewski:* „Jubilea kantato" vortoj de A. Grabowski, Krakova horo kun orkestro sub dir. de aŭtoro.
b) *Antikva pola kanto:* „Gaude Mater" horo „a capella" dir. de Sro W. Barabasz.

3. *Solena parolado.*

4. a) *Karłowicz:* „Senluriĝo".
b) *Niewiadomski:* „La sorto de Joĉjo".
c) *Moniuszko:* „Ŝpinistino", kanto sole Sino J. Szayer (Ada Sari) akompanado Sro W. Walewski.

5. *Deklamo:* Sro Wiktor Biegański, art. dram.

6. a) *Żeleński:* „Nia Hanka" krak. vira horo.
b) *Moniuszko:* „Kozako" krak. vira horo.
c) *Moniuszko:* „Batal-kanto krak. vira horo.

7. *Deklamo:* Sino Stanisława Wysocka, art. dram.

8. a) *Żeleński:* „Revo de l' knabino".
b) *Gall:* „Serenado".
c) *Karłowicz:* „Serenaj tagoj" kanto sole de Sino J. Szayer (Ada Sari).

9. *Moniuszko.* „Popolkantoj".
1) Macjek, 2) Ebenigu Dio, 3) Donu al mi Jasio, 4) El hejm' fordonis nin patrino 5) „Fajr-eligu lumfuŝetoj".

10. a) *Moniuszko:* Mazuro de l'oporo „Halka".
b) „La espero" hejmo esperanta, Orkestro 100 r. i.

Komenco je 8½ horo vespere.

* * *

Malsupre ni citas la tekston de la kantoj, kantotaj dum la Jubilea Festvespero.

## Jubilea kantato.

1. Feliĉa la semanto éstas,
Kiu printémpe sémis grénon,
Kaj en aŭtuno festas
Dé bónrikolt' solénon.
Feliĉa, kies kor'
Pri granda vérko révis,
Kaj al la révo flór'
La fruktou elkrésvis.

2. Arbéto, kiun Májstro kára,
Vi plántis ĉe Vistúl' rivér',
Elkrĕskis ĝis lazúro klára,
Ebindas brencojn ĉirkaŭ ter'.
Sub ĝi koléktis milojn
La jubiléa nóva senc',
Kaj ligas térofil[illegible]
[illegible] rezónas.

3. [illegible]
Dankéme la Majstron kronas
Per vénto laŭrfolia.
En niaj kóroj, granda hom',
Stariĝas monuméntoj!
Benáta Via nom',
Ĝi vivos tra jarcéntoj!

*Antoni Grabowski.*

---

### 1. Macjek.

1. Kun batil'ĉe zono iras Maciek voje,
Iatempe kantas „tim-di-rim-di" ĝoje.
Se in baras straton,
Ricevas kapobaton.
Oj da, dana!

2. Ho ve! malsaniĝis Macjek nia kara,
En drinkej' ne estis dum vespero kvara,
Jam al ni ne kantetos,
Bieron ne aĉetos.
Oj da, dana!

3. Mortis Macjek, mortis, venis lia horo,
Pacon la eterna donu Di-sinjoro!
Li estis brava viro,
Ĝis lasta sia spiro.
Oj da, dana!

4. Nia Macjek kuŝas sur kverka tabulo,
Se muziko ludas, saltus li mortulo;
Gar Mazuro, anim' forta,
Moviĝas, kvankam morta.
Oj da, dana!

---

### 2. Ebenigu Di'.

Ebenigu vi
Montojn, valojn, Di',
Ke estu tut-ebene.
Gvidu, ho Sinjor',
Lin al mia kor'
Dimanĉe, frumatene.
Malgraŭ la dimanĉ'
Laciĝu, fianĉ',
Vian ĉevaleton voje.
Estas mia kor'
Plena de dolor'
Kaj plendas mi malĝoje.

### 3. Donu min al Jasjo.

1. Donu min al Jasjo, mia patrineto!
Plaĉas al mi ringoj ĉe lia zoneto.
Oj dana!

2. Plaĉas al mi ringoj, koloro liphara,
Do min edziniĝu, patrineto kara!
Oj dana!

3. Diru al mi, kion vi eldiri volas,
Car mi ĝin ne scias, se vi ne parolas.
Oj dana!

4. Edziĝu, edziĝu, vi bonfartos frato,
Havos vi amaĵon, plendos pri malsato.
Oj dana!

---

### 4. El hejm' fordonis min patrineto.

El hejm' fordonis min patrineto
Al fremdaj homoj, en fremda land'!
Kaj ŝi proponis, kaj ŝi ordonis
Sep jarojn resti for!

---

### 5. Fajr-eligu hufumetoj.

Fajr-eligu, hufumetoj!
Indas tion knabinetoj.
Ĝis, ĝis, ĝis maten'.
Se ne indas ĉe knabino,
Kalkanfrapu ni sen fino.
Ĝis, ĝis, ĝis maten'.
Frapu vigle per botetoj,
Ŝtalaj estas hufumetoj.
Ĝis, ĝis, ĝis maten'.
Ke eligu fajreretoj,
Frapu vigle per botetoj.
Ĝis, ĝis, ĝis maten'!

---

### 6. La Kozako.

Muziko de St. Moniuszko.

1. Sur monteto tie staras verda la aceto,
Mortas juna la kozako sur la fremda tero;
Do seligu la [illegible] venas vivo-fino.

2. Kaj alvenis la patrino, venis patrineto,
Turnis palan la vizaĝon kontraŭ la fileto:
Ho, fileto mia kara, devis vi pereı,
Car ne volis vi konsilojn de l'patrin' obei.

3. Mi vin petas, patrineto: belo enterigu,
Oni batu sonorilojn, orgenon ludigu;
Sed ne gvidu min al tombo pastroj nek [diakoj,
Nur en teron ukrainaj metu min kozakoj.

*Esper. A. Grabowski.*

---

## La simboleco de l'esperantismo.

Dudek kvin jaroj forfluas de la momento, kiam unuafoje aperis esperanta libro. La tempo de ĝia apero estis tre malfavora, ĉar ĝuste unu el antaŭaj provoj de la solvo de la problemo de lingvo internacia estis en la zenito de la triumfo kaj de la disvolviĝo. Juna, nova projekto ne povas mortigi la konstruaĵon, por kies grandeco laboris multe da centoj de hatalantoj. Se tamen malgraŭ la malfavora opinio de la publiko, malgraŭ la indiferenteco de la homoj, al kiuj unua libro estis sendita senpage, malsuprenigante ĝian aŭtoron en la mizeron, malgraŭ multe da baroj, kontraŭstarantaj sur la vojo al brilanta celo, ĝi atingis hodiaŭan staton de la disvolviĝo kaj enigis en la modernan kulturon, kiel unu el la potencaj faktoroj de la progreso, — tio efektive pruvas, ke ĝi ne estas bazita sur opinio de unu homo, sed ke ĝi havas radikojn en sociaj tendencoj de la disvolviĝo.

Kaj efektive, se ni pli proksime rigardos ĝian strukturon, ni vidos, ke ĝi ne estas laboro de unu nur persono, dependanta de ĝia volo kaj opinio. En Esperanto ni vidas laboron de multe da centjaroj, la vortaron vere internacian, ĉar internaciaj estas la akiraĵoj de la vera progreso. Ni ne trovas la terminaron grekan, ellaboritan de la pensuloj de tiu lando, same kiel de aliaj kulturoj de aria elemento, kiu donas la ekzemplon al aliaj racoj, eĉ tiel malproksimaj kaj havantaj propran antikvan kulturon, kiel japanoj kaj ĥinoj. Kial do vidi en Esperanto la laboron de unu persono, se li (Zamenhof) nur estis genia kristaligisto de la vortaro, per ĉiuj nacioj ellaborita, kristaligante ĝin en unu lingvo, kvazaŭ muzeo de la terminaro vere internacia?

Kial ne vidi tiun grandan simbolecon, kiu respeguliĝas en Esperanto? La lingvo estas standardo de la kulturo, en ĝi enkorpiĝas la vivo de nacio. La legendo pri turo Babel klare montras la gravecon de la lingvo, kiel homa komprenilo. La plejgranda malbono, kiun oni povas fari al la homoj estas malebligi al ili la interkompreniĝon reciprokan. Se sekve tiu lingvo havas tian gravecon, se en ĝi respeguliĝas la nacia spirito kaj se ĝi estas kvazaŭ la standardo de tiu lingvo, — ĉu vi ne vidas la simbolecon de Esperanto?

Ĝi ja estas la lingvo helpa, dua lingvo krom la nacia, por interkompreniĝi kun la fremduloj, — tio signifas, ke supre de diversaj naciaj kulturoj ekzistas ankoraŭ io komuna por la tuta homaro, liganta ilin reciproke.

La helpa lingvo estas nomata Esperanto. Tiu nomo ne nur devenas el la pseŭdonimo de ĝia aŭtoro, ĉiam vivanta en la espero, sed ankaŭ protijo, ke ĝi enformas en si la esperon de tuta homaro, kiu malgraŭ la diversaj baroj atingos epokon de la paco kaj de la frukto dona reciproka helpo en la laboro per subjugi la naturon al la homa influo, kio estas esenco kaj celo de la kulturo.

La signo de la Esperantistaro estas stelo. La stelo, kiel la matenruĝo akompananta tagiĝon estis ĉiam la simbolo de [illegible] stelo, kiel la signo kaj standardo de la kulturo estas anonciĝo, ke la homara historio ĝisnuna estas kvazaŭ la preparo al tio, kio nune venos kaj kio estos pli esenca, pli potenca ol tio, kio forpasis. Esperanto direktas la homajn pensojn en la estontecon, kio ĝi vidas la oran epokon de la naciaj kulturoj, sintetizontaj en nur harmonio.

Neniam esperantismo celas ferpuŝi naciecon. Tute kontraŭe, — ĝi substrekas la naciajn tendencojn, ne permesante superregni unu kulturon per la alia, sed ilin egalgradigante.

*Antoni Czubryński.*

---

## Polujo.

Okaze de la Oka interesiĝos sendube la esperantistaron kelkaj sciigoj pri la tero, sur kiu nia lingvo kaj ideo festas sian unuan jubileon. Krakovo, urbo de la Oka, tute ne estas vera ĉefurbo de Polujo, ĉar ĝi estis la sidejo de polaj reĝoj nur ĝis la deksesa jarcento.

Vera ĉefurbo estis de tiu ĉi tempo Varsovio (Warszawa), hodiaŭa granda urbo pola. Ĝi kalkulas hodiaŭ 867000 da loĝantoj, kun proksimaj komunumoj 1.100.000. Dua urbo estos pola „Manchester“ — Łódź (Lodzo), kiu en la jaro 1840. estis ankoraŭ vilaĝo, kaj nune ĝi estas jam grandega urbo industria, kalkulanta ĉirkaŭ 600.000 da loĝantoj.

Tiel Varsovio, kiel ankaŭ Łódź kuŝas en nuna Królestwo polskie (Pola Reĝolando. Tria laŭ grandeco urbo pola estas Leopolo (Lwów), ĉefurbo de Galicio, do de tiu ĉi parto de la antaŭa Polujo, kiu apartenas nune al Aŭstrio; ĝi kalkulas 212.000 da loĝantoj. Kvara urbo estas Vilno, ĉefurbo de Litovujo, kalkulanta 185.000 da loĝantoj, kvina estas Poznań (germane Posen), ĉefurbo de granda samnoma Dukland o, apartenanta al Germanujo. Poznań kalkulas 180.000 da loĝantoj. Sesa urbo estas Kraków, enhavanta 156.000 da loĝantoj, kaj kun la urbo Podgórze (Podguje) ĉirkaŭ 180.000 da loĝantoj.

Krakovo estas unu el la plej antikvaj urboj de meza Eŭropo, ĉar ĝi estas fondita en oka jarcento, kaj en la deka ĝi estis jam la sidejo de polaj princoj. Krakovo estas tria vice urbo de meza Eŭropo, kiu ekposedis universitaton.

Post la fondiĝo de Sorbonno en Parizo Eŭropo ne havis novan universitaton. Ne pli frue ol en la jaro 1348 la Karolo IV fondis universitaton en Praha, en la jaro 1363 en Vieno, kaj preskaŭ samtempe, ĉar en la jaro 1363 fondis la pola reĝo, Kazimiro la granda, universitaton en Krakovo, kiu tutan dekkvaran kaj dekkvinan jarcenton ĝuis grandan popularecon en tuta Eŭropo.

Al fremdlandanoj oni devas klarigi ke la universitaton fonditan de la reĝo Kazimiro, kompletiĝis per la medicina fakultato la reĝo Vlad. Jagiello en la jaro 1410. En la 1900 jaro festis la Polujo kvincentjaran datrevenon de la universitato, kiu estas nomata laŭ la nomo de la refondinto. „Jagiellona“. En la aŭstria imperio estas Kraków la vice sepa urbo laŭ multeco de loĝantoj. Ĝi sekvas post Vieno, Budapest, Praha, Triesto, Graz, Leopolo. Krakovo estas unu el la ĉefaj aŭstriaj fortikaĵoj; la Krakova militistaro enhavas 10000 da homoj. Akademio de Sciencoj, troviĝanta en Kraków, estas la sola sur pola tero. La Krakova episkopo dependas rekte de Romo.

Krakovaj konstruaĵoj, kiujn vi vidos en la centro de la urbo, inter la rondiranta plantĝardeno, devenas grandaparte el 13, 14 kaj 15 jarcentoj. Kiam la Polujo perdis sian politikan sendependecon, restis Krakovo ĝia spirita metropolo. Kaŭzo de tio estas, ke en tiu ĉi parto de antikva Polujo, kiu apartenas nune al Aŭstrio, regas plej granda nacia libereco. [illegible] de Polujo, ĉar ĉi estas plej vigla movado literatura, nacia kaj socia. En lastaj tempoj fariĝas Kraków ĉiam pli kaj pli ankaŭ urbo komerca; plej bona pruvo de tio estas, ke sole dum lasta jaro oni fondis en Krakovo 9 filiojn de unuarangaj Vienaj bankoj.

---

## LOKA KRONIKO.

**Krakovo,** Dimanĉe la 11. de Aŭgusto.

**Ĉiujn manuskriptojn, presigotajn en „Kongresa Bulteno“ oni petas lasadi ĉe S-o Kronenberg en Komerca Akademio (Jurnalista ĉambro).**

---

**Redakcio kaj Administracio de »Kongresa Bulteno« troviĝas ĉe str. Karmelicka 16. en la redakcio de »Ilustrita Kuriero ĉiutaga« (Ilustrowany Kuryer codzienny). Nro de la telef. 1198. Horoj oficaj de la Redakcia Komitato ĉiutage de 2-a ĝis 6-a.**

„Kongresa Bulteno“ estas aĉetebla ĉiutage en centra oficejo kongresa (Komerca Akademio), en administracio de „Ilustrita Kuriero“ (str. Karmelicka 16), ĉe kolportistoj kaj en gazetagentejo de Hopcas ĉe strato Szczepańska. Unu numero kostas 10 helerojn. Kongresa Bulteno forlasados la preson je 6-a vespere.

---

**Nia Majstro** alvenis Krakovon vendrede 9-an de aŭgusto je la 11'45 nokte kune kun sia familio. La Majstron atendis en la stacidomo grupo da Krakovaj kaj eksterlandaj esperantistoj, venintaj al la Kongreso. La Majstro enloĝiĝis en »Pensione de Famille« (domo apud la akceptejo).

**Senpagaj muzeoj** por la kongresanoj. La Krakova urbestraro donis al ĉiuj kongresanoj la rajton de senpaga eniro al ĉiuj

Krakovaj muzeoj (Nacia Muzeo, Barbakano, Muzeo de grafo Hutten-Czapski, Muzeo de princoj Czartoryski, turo de preĝejo de Sankta Mario). Laŭ la sama decido de la Krakova urbestraro ĉiuj kongresanoj rajtas uzi senpage tramojn dum la kongresa semajno t. e. inter la 11.—18. de aŭgusto. Oni montru al la konduktoro sian kongresan karton. Tio sufiĉos.

**Piede de Parizo ĝis Kraków.** Sinjoro Devjatnin (Ruso) kaj So Romano (Turko), kiuj la unuan de julio eliris el Parizo kaj iris piede ĝis Kraków, estis hieraŭ akceptitaj de Krakovaj esperantistoj, kiuj iris renkonti ilin. La renkontiĝo okazis en vilaĝo Łobzów (4 km. malproksime de Kraków). La piedirantoj estis ĉe kinematografiitaj de Krakova reprezentanto de la firmo Pathé Frères. Ĉirkaŭ la 5-a horo Sro Devjatnin kaj Romano alvenis Krakovon.

**Kraków ornamita por la Kongreso.** Ju pli proksime estis al la tago de la malfermo de l' Kongreso, des pli gojige aspektis por esperantistaj okuloj ĉiuj stratoj. Malgraŭ la konstanta pluvo, kiu daŭris du lastajn tagojn antaŭkongresajn, ĉiam pli kaj pli oftaj estis la esperantistaj flagoj, afiŝoj kaj insignoj, eligitaj el la balkonoj, fenestroj kaj en multaj vendejoj. Precipe ornamita estas strato Floryańska (proksime de la stacidomo, kondukanta al Rynek). La urbestraro de Kraków surgluis sur la muroj de la urbo oficialan alvokon, subskribitan de vicprezidanto Dro H. Szarski, altirantan la atenton de la domposedantoj en Krakovo je la kongreso kaj postulantajn ornamadon de iliaj domoj.

**Enloĝiga sekcio** komencis jam sian agadon en la stacidomo en speciale por tiu celo arangita oficejo. Tiu sekcio laboros en la stacidomo tagnokte, senĉese, ĝis la mardo.

**Oficialaj delegitoj al la Kongreso.** Al generala sekretariejo alvenis hieraŭ oficialaj sciigoj pri la elsendo al Kongreso de la sekvantaj delegitoj: el la ministraro de la milito kaj landa militistaro, subleŭtenanto Gostomski el Krakovo; Adalberto Kraus el Praha kaj el Bohema Nacia Konsilantaro; Henriko Fišer el Galac, delegito de la agrikultura ministraro en Rumanujo, de la Komerca ĉambro el Galac; fine Henriko W. Hetzel, delegito el la stato Pensilvanio. Pluaj aliĝoj esperataj hodiaŭ.

**Krakovaj tramoj** kursadas hodiaŭ belege ornamitaj por Krakovaj naciaj kaj internaciaj flagetoj. Tion ĝi ni dankas al la tre favora por ni trama Direkcio.

**Ruĝa standaro** verkita de Bolesław Czerwiński, tradukita de esperanta poeto Stanisław Karolcyk eldonita de socialistojesperantistoj, kantota dum popola kunveno esperantista 14. VIII. 1912 antaŭtagmeze apud Krakova Parko, kostas 30 h.

**Komuna fotografado.** Morgaŭ dimanĉe je la 5½ vesp. okazos komuna fotografado de ĉiuj esperantistoj. Kunveno ĉe monumento de Mickiewicz sur ĉefplaco. De tie ni iros por fotografado al **Vavel**. Fotografos oficialaj fotografistoj kongresaj S-oj Gargul kaj Pierachalski.

Aperos estos fotografaĵoj kongresaj grupoj por la poŝtkartoj, kiuj kelkajn horojn poste estos disvendataj en akceptejo.

**Raŭto de la partoprenantoj de la Kongreso** okazos ĉimanĉe 11 k. m. vespere post la malfermo de la Kongreso, en la Pafista Societo. Tiu raŭto, celanta reciprokan interkonatiĝon de la kongresistoj kaj prezentadon de la aŭtoro de Esperanto, okazos je la kostoj de la Kongresa Komitato, helpata de la Urbestraro, dum kio la partoprenantoj de la Kongreso pagos po 2 kronoj. Komenco de la raŭto je 9½ vespere.

**Akva festo sur Vistulo.** 13 de k. m. laŭ ĉiuj esperoj estos plej bele aranĝota. Fondita komitato laboras persiste kaj baldaŭ anoncos la programon. Momente ni ekscias, ke inter artaj fajroj aperos imponanta frontono fajra kun la inicialoj de Esperantista Kongreso. Konsiderante, ke en la mondo enradikiĝis la opinio, ke la Sokola («Falko») institucio estas nur la bohema afero kaj ekstere de la Bohemoj ne ekzistas samgradaj gimnastikaj societoj — Krakova Sokolaro montriĝos per la nombro de la biloj, prezentantaj la agadon de tiu nia nacia institucio. Sokolo estas parto de nia nacia stato de posedajo. Manifestacio de tiu skirajo de nia kulturo antaŭ la alvenantaj gastoj estas tre trafa kaj necesa.

**La ekspozicio kaj esperanta Muzeo.** Ĉiuj krakovaj firmoj, kiuj surgluis en la urbo afiŝojn esperante, bonvolu alsendi po du ekzemplerojn por l' e s p e r a n t a e k s p o z i c i o (Komerca Akademio Ĥe al Sro Weinstein). Tio estos bona reklamo por la firmoj, kaj samtempe ili estos eternigitaj en Esperanta Muzeo.

**Prezentado de „Mazepa“.** Komunaj teatraj provoj de la artistoj, partoprenontaj en la prezentado de Mazepa jam komenciĝis 9. de k. m. kaj daŭros ĉiutage ĝis la tago de la spektaklo. Ĉefaj roloj en la spektaklo estos luditaj de Sinjorinoj: Wysocka (Amelja), Krysińska (Kastelanino), kaj de Sinjoroj: Sosnowski (Vojevodo), Stanisławski (Mazepa), Maryański (Zbigniev), Jednowski (la reĝo), M. Wegrzyn (Hmara), Biegański (kuriero), Nowakowski (Bonstko). Krom supreciitaj personoj partoprenos en la prezentado geartistoj de la Lvova opero kaj dancos polonezon en akto I.

Pri la absoluta korekteco de la lingva flanko de l' prezentado zorgas nia sperta samideano Jan Mędrkiewicz. Artistoj kaj artistinoj perfekte ellernis siajn rolojn, preskaŭ parkere, kaj oni estas certa, ke prezentado estos sentriprena. Dum lasta provprezentado ĉeestos Sinjoro Antoni Grabowski mem por doni lastajn indikojn.

**Kunveno de Esperanta Psikistaro** troviĝas ĉe Rynek 43. Unua plena kunsido okazos lunde je la 10 a matene, fotografado je la 12 a. Dua kunsido mardo je 3½. Dum tio ĉi okazos eksperimentoj de internaciaj mediumoj. Intima kunveno okazos vendredo je la 9a vespere. Estas prezentotaj eksperimentoj spiritismaj, hipnotismaj k. t. p. En la kunvenejo trovas sin riĉa ekspozicio.

**Varietea Teatro.** Hodiaŭ sabate je la 8a vesp. okazos en Teatro de novaĵoj (str. Starowiślna 21) prezentado varietea en Esperanto. Programo: 1. «La Espero», kantata de la ĥoro, 2. «Kial la Oka okazas en Kraków», aŭ «La Krakova delegito», kanto de preĝeja almozulo, 3. «Kiel okazas kunsido de Rajtigita Delegitaro» parolota de luna samideano. Kiel ceteraj punktoj de la programo sekvos la kantoj, dancoj kaj aliaj amuzaĵoj. Biletoj po 4 K 40 hel., 3 K 30 hel. 2 K 20 hel., kaj 1 K. aĉeteblaj la tutan tagon en la Kongresejo (Komerca Akademio) kaj de 6a vesp. ĉe la teatra kaso. Al la gesamideanoj, vizitontaj Teatron de novaĵoj, ni deziras plej bonan amuziĝon.

**Pola gazetaro pri Esperanto.** Okaze de la Oka preskaŭ tuta pola gazetaro dediĉis iom da loko por nia afero. Memkompreneble la Krakova gazetaro estis por ni pleje favora. De kelkaj monatoj oni povis jam legi en ĝi longajn artikolojn pri nia movado; oni ne devas aldoni ke tiamaniere nia ideo estis plej bone propagandata. Speciale favora por ni montriĝis «Ilustrowany Kuryer Codzienny» (Ilustrita ĉiutaga Kuriero) kiu pro tio devas esti kiel eble plej multe subtenata de la polaj esperantistoj. En la lasta numero de «Nowości illustrowane» (Ilustritaj novaĵoj) ni vidas longan artikolon pri Esperanto, ornamitan per kelkaj belaj fotografaĵoj. El la Krakovaj gazetoj tri eldonas hodiaŭ numerojn, enhavantajn artikolojn pri Esperanto: Goniec poniedziałkowy (Lunda Kuriero), Gazeta poniedziałkowa (Lunda Gazeto), kaj Kurjer Codzienny (Ĉiutaga Kuriero). Flanke ni aldonas, ke en Krakovo forlasadas la preson 113 diversaj gazetoj; inter ili 5 ĉiutagaj polaj kaj unu ĉiutaga hebrea.

**Malantaŭ la cara krado.** Unu el la kamaradoj, kiu sukcesis post longa malliberreco eliĝi el tiu ŝtona tombo, kia estas la cara malliberejo, alportis al ni la sciigon, ke en la Varsovia malliberejo sidas de longe laboristo *Stefan Hieniĉ*, kroato devenanta el la komunumo *Lika*. La tuta «Krimo» de tiu nomo konsistas en tio, ke li posedas neniun lingvon, krom la kroata kaj ke li havas nenian pasporton. Malgraŭ ke la oficistoj, se ili estus bonvolemaj, povus kompreni la lingvon kroatan, tamen ili skribas nek al la vilaĝestro de la komunumo, kiu Hieniĉ citas sed alkalkulas lin al la kategorio de vaguloj (brodiag) ĉar por tiu krimo atendas lin longtempa malliberejo (katorgo). Hieniĉ elmigris en la carlandon, serĉante laborenspezon, ne sciante kio povas tie al li okazi. Ni komunikiĝos kun la vilaĝestro S. Beljejnik, ke li volu interveni por klarigi tiun aferon kaj eltiri tiun mizerulon el la sangaj ungegoj de barbara registaro.

# El krakovaj legendoj.

(Legendo pri Drako Olofagus.)

Kun kastelo Wawel estas ligitaj diversaj legendoj. Jam la nomo Wawel mem, kiu estas ŝanĝita nomo Babel montras, ke ĝi ludis ian rolon en la kulturo, ĉar la nomo Wawel — Babel oni trovas ne nur en Mezopotamio sed ankaŭ en aliaj landoj ekz. Rusujo, kaj sufiĉas preni la registron geografian de iu ajn atlaso por konstati kiel multfoje renkontiĝas tiu hindo-europa nomo Babel-Wawel.

En la interno de Wawel — oni diras, ke loĝas slava juĝanto de mortintoj Rugewit, greka Minos. Tie vivas ankaŭ la mortintaj polaj reĝoj.

En la apuda kaverno, en kiu prehistoristoj trovis homajn restaĵojn vivis antaŭ la legenda tempo, — Drako, nomata de unu el la unuaj historistoj Kadłubek Olofagus, tio signifas „Glutmanĝulo“, kiu minacis al la loĝantaro. Du fratoj de la kavalestro, ekdeziris ĝin mortigi, sed ne povante tion efektivigi senpere, ili iris kun perfido, nome ili ĵetis al la Drako bovajn ledojn ŝtopitajn per la sulfuro kaj la kalko, dank' al kio Drako ekflamis kaj mortaĉis. Sed unu frato elvianta al alia la gloron kaj tronheredon mortigis lin, diraante ke la frato estis formanĝita per la Drako dum la ĵetado de bovajn ledojn. Kiam la popolo ekscios pri la vero ĝi forpelis lin.

Al la kadavro de la Drako alflugis la korvojn kaj el ilia grakado oni nomis la kajstelestron **Krakus** (**kraki**-pole **krakać** **korvo**-pole **kruk**, kaŝube **krak**, kaj ilian urbon **Krakuv**.

Similan legendon oni rakontas pri la masonistoj de la turoj de preĝejo de Sta Virgulino staranta sur la ĉefplaco. Ambaŭ varbis unu fraŭlinon. Kies turo estos pli alta, tiu ŝin ricevos. Unu frato antaŭvidante, ke li ne atingos la altecon de frata turo, ekdecidis lin morti. Tial alia turo estas plimalsupera. La mortigilon oni surpendis en Draphalo apud la enirejo flanke de monumento de Mickiewicz. De nove la legendo pri du fratoj.

Tiu rakonto haves komunajn radikojn kun aliaj mitoj. „Holofagus“ — estas detruita vorto de norda **vulf**, **Wolf** — **lupo**, kiu mortigas du fratojn, el kiuj unu postvivas la alian, simile kiel en roma mito pri Romulus kaj Remus, el kiuj la unua postvivas duan, simile en la legendo pri Kastor kaj Pollux el kiuj dua postvivas unuan, simile en litova legendo pri Lelum kaj Po-lelum.

En roma legendo lupino estas nutrantino de ambaŭ fratoj, en krakova ŝi estas la objekto de kontraŭbatalado, ŝanĝita en Drako, kiu troviĝas en multaj hindo-europaj legendoj kaj ankaŭ en Ĥinujo sur la standardo. En la fondo de litova **urbo Vilno** — ludis ankaŭ rolon fera lupo.

Fratoj estas verŝajne konstelacio de gemuloj, per kiu komenciĝis la jaro 4.000 antaŭ nia ero, kaj kio lasis postsignoj en la mitologio.

Samideanoj sciantaj legendoj pri la Drako kaj lupo bonvolu sciigi min (plej bone skribe) — ĉar mi volas kolekti la

sufiĉan materialon por solvi tiun kompare —mitologian problemon.

*A. Czubryński.*

## Klarigoj kaj informoj.

**Pri austria monsistemo.** La aŭstria monumo estas unu krono = 1 K = 100 heleroj. Bankbiletoj ekzistas po 10, 20, 50, 100 kaj, 1000 kronoj. Krom tio ekzistas ankoraŭ oraj moneroj po 10, 20 kaj 100 kronoj.

**Mona tabelo:**

1 K = 1 frs. 05 ct. — 0 M. 85 f. = = 0 Rs. 39½ kop. = 8 d. = 21 cendoj amerikaj.

1 fr. = 96 hel.
1 M. = 1 K 18 hel.
1 Rs. = 2 K. 53 hel.
1 sh. = 1 K 20 hel.
1 dol. = 4 K. 93 hel.

**Krakovaj tramveturiloj.** En Krakovo kursadas 4 tramlinioj, signitaj per ciferoj de 1 ĝis 4. La plej grava linio estas signita per Nr. 1 kaj ĝi kursadas inter stacidomo —ĉefplaco — Grodzka – Podgórze. Ĝi trapasas ĉefajn stratojn de nia urbo. La „duo“ kondukas de Podgórze (survistula ponto), tra strato Starowiślna apud ĉefa poŝtoficejo al parko Krakowski. La „trio“ kondukas de Zwierzyniec al strato Długa tra Rynek. La tramvagonoj, signitaj per „4“ kondukas de Rynek al parko de Dro. Jordan preter la Akademio Komerca. Aliloke ni rimarkas, ke la veturado per tramveturiloj dum tuta kongreso estas por la kongresanoj senpaga.

**Pri fiakroj:** Por vojaĝo fiakra unuĉevala en kiun ajn lokon en Krakovo oni pagas 60 helerojn. Por vojaĝo dum unu horo oni pagas 2 kronojn.

**Pri postmarkoj kaj afrankado de poŝtsendaĵoj.** La ĉefaj specoj de poŝtmarkoj estas po 5, 10, 20, kaj 35 heleroj. Poŝta tarifo: Por leteroj enlandaj, pezantaj maksimume 20 gramojn, oni pagas 10 helerojn kaj por poŝtkartoj au vidaĵkartoj 5 helerojn. Tarifo al eksterlando estas 25 heleroj por leteroj kaj 10 heleroj por poŝtkartoj. Por sendaĵoj rekomendataj oni alpagas 25 helerojn.

Telegramo enlanda kostas por 10 vortoj 60 helerojn. Al Francujo oni pagas por la vorto 16 helerojn, al Britujo por la vorto 23 helerojn, al Italujo por la vorto 14 helerojn. Krom tio oni pagas aparte takson de 60 heleroj.

**Tarifo por presaĵoj kaj gazetoj.** Por enlandaj 3 heleroj ĝis 50 gramoj, 5 heleroj de 50—100 gramoj, 10 hel. de 100—250 gr., 20 hel. de 250—500 gr.

Por eksterlandaj oni pagas por ĉiuj 50 gramoj 5 helerojn.

**Cigaroj kaj cigaredoj.** En Aŭstrio ekzistas ŝtata tabaka monopolo kaj oni povas aĉeti tie nur cigarojn kaj cigaredojn fabrikitajn en ŝtataj fabrikejoj. La prezoj estas jenaj:

Por cigaredoj: Damen 4 hel., Kaiser 4 hel., Memphis 5 hel., Damen 6 hel., egiptaj 7 hel.

Por cigaroj: Cigarillos 5 hel., Rosita 8 hel., Virginiosa 8 hel., Cuba 11 hel., Trabuco 18 hel., Britannica 20 hel.

Memkompreneble ni citas nur la plej gravajn specojn de cigaroj kaj cigaredoj.

## Programo.

**Sabato.** 8a vesp. Varietoa prezentado (Teatro de novajoj ĉe str. Starowiślna).

**Dimanĉo.** 9a matene. Kunveno de Germana Esperanto-Asocio en Komerca Akademio III. 10a mat. Elekto de naciaj delegitoj. Internacia instituto de Esperanto (8o Privat): Ekzamenoj. 3a tagm. Inaŭguracia kunsido de la Kongreso en Malnova Teatro. 9a vesp. Komuna festmanĝo (Salono de „Pacifista Societo“ angulo de str. Lubicz kaj Bosacka).

**Lundo.** 9a mat. Malferma kunsido de I. E. A. en Komerca Akademio II. Fakaj kunsidoj de Germ. Esperanto-Asocio, katolikoj, liberpensuloj, teknikistoj, jurnalistoj en Komerca Akademio III.

11a mat. Fakaj kunsidoj de maristoj, teozofoj, farmaciistoj, ruĝkrucanoj en Kom. Akademio III.

2½ tagm. Faka kunsido de kuracistoj, instruistoj, juristoj, bankistoj, poŝtistoj, komercistoj.

3½ tagm. Labora kunsido de la Kongreso en Malnova teatro.

La akceptejo kun apartenaĵoj troviĝas en Komerca Akademio I.

Ĉiuj fakaj kunsidoj okazas en Komerca Akademio III. La kunsidoj de T. E. K. A. okazas en Salono de „Kuracista Societo“ str. Radziwiłłowska 4.

## Telegramoj el la Mondo.

### El Austrio.

**Vieno.** (tel. prop.) El Pilsen oni sciigas ke la admiralo Montecuccoli rigardis la laborojn de la armilegoj en ĉitiaj fabrikejoj „Skoda“. En tiuj ĉi fabrikejoj estas konstruataj armilegoj 34 kaj 36 centimetraj, anstataŭ 30 centimetraj ĝisnunaj.

**Memmortigo de la deputato.** (propr. tel.). Deputato al hungara sejmo Aleksandro Popovics, memmortigis en la melankolia stato enpiksante tranĉileton en la koron.

### El Germanujo.

**Eksplodo de la benzino** Frankfurto apud Maino. (tel. propr.) En unu el tiesaj fabrikejoj okazis eksplodo de la benzino. Librotenisto Götze mortigita, du laboristoj grave vunditaj, multe facile. En la fabriko la eksplodo faris grandajn difektojn. Okazis fajrego, kiu alprenis grandajn dimensiojn.

### El Italujo.

**Konferencoj pri paco. Romo.** (Tel. propr.) Jus ĉesigitaj konferencoj kun Turkujo, estas de nove komencitaj en Svisujo, ĉar nova registraro turka konfirmis deputatojn.

**Eksplodo de vulkano Stromboli.** Romo (tel. propr.). Oni sciigas nin el Messina, ke vulkano Stromboli estas tre aktiva. El kratero eliĝas densa fumo kaj grandaj masoj de l' lafo. Oni aŭdas subteran bruegon.

### El Turkujo.

**La esperoj de Junturkoj.** Berlino (Propra tel.) El Konstantinopolo oni sciigas: La Junturkoj esperas la venkon. La pli granda parto staras je la flanko de Junturkoj.

**Tertremego.** Konstantinopolo. (Tel. propra). Je horo 3·20 oni eksentis tie ĉi fortan tertremegon. La loĝantaro elkuris el siaj domoj pro granda paniko. Ĝis nun ne estas konata, ĉu la tremego kaŭzis ian domaĝon. La centro de l'tremego estis verŝajne ie en la ĉirkaŭaĵo.

**Vieno.** (Tel. prop.) El Saloniko, Konstantinopolo kaj Sofio oni sciigas pri tertremego, kiu ripetiĝis en la balkana duoninsulo.

### El Balkano.

**Subita forveturo de l' Bulgara reĝo.** Budapest. (Tel. prop.). Grandan senzacion elvokas la subita forveturo de l' bulgara reĝo Ferdinando el la Hungarujo al Sofia. La reĝo Ferdinando restadis en Hungarujo kune kun sia familio en ia saneja urbo. Li intencis resti tie tutan monaton.

Tamen li forveturis hieraŭ subite tra Budapeŝt al Sofia. Tiun ĉi surprizan forveturon oni ligas kun danĝera situacio en Balkana duoninsulo. Oni supozas, ke la Bulgarujo troviĝas antaŭ gravaj okazontaĵoj.

Kiel estas sciate oni rakontis en lastaj tagoj tre multe pri la sinarmado de Bulgarujo kontraŭ la Turkujo kaj pri ebla batalo bulgara-turka.

**Montenegro kaj Turkujo.** Cetinjo (Tel. pr.) Turka delegito elveturis de tie-ĉi, tamen la diplomaj rilatoj kun Turkujo ne estas rompitaj. Influis al tio angla kaj rusa registaro.

En la loko Torna, sur la fervoja linio al Adrianopolo okazis dum tertremo brulo pro renversiĝo de lampo. Forbrulis 300 domoj. En Gallipoli disfalis sekve de tertremo telegrafa oficejo kaj kelke da domoj.

### El Rusujo.

**Poincaré en Rusujo.** Kronŝtad (propr. tel.). Alvenis tien-ĉi franca ministro-prezidanto Poincaré sur la ferdeko de la krozisto: salutis lin la ministro de la marservo, ambasadoro franca kaj aliaj. Poincaré alvenos hodiaŭ vespere al Petersburgo.

**Sunvarmegoj. Petersburgo.** (Tel. propr.) Tie-ĉi kaj en Moskvo regas sunvarmegoj. En diversaj gubernioj varmego atingas 35° C. Forbruliĝis multe da arbaroj.

**Ĥolero.** Witebsk (tel. propr.) Oni tie-ĉi konstatis 5 okazojn de malsaniĝo je la ĥolero.

### El Usono.

**Korupto.** Detroit. (tel. propr.). Oni nun sciigas el Nova Yorko: En Detroit oni malliberigis 15 membrojn de Urba Konsilantaro akuzante ilin, ke ili prenis koruptmonoj por la vendotaj propraĵoj de Urba fervoja societo.

## Anoncoj.





El la presejo kaj stereotipio de la fratoj E. kaj Dro K. Koziański, Kraków. Respondeca redaktoro: Maryan Dąbrowski



# KONGRESA BULTENO

aldono al »ILUSTROWANY KURYER CODZIENNY« al n. 183.

Redakcio, Administracio kaj Ekspedicio
Kraków, str. Karmelicka, l. 16.
Telefono 1198.
Ĉefredaktoro kaj eldonisto *Maryan Dąbrowski.*

Prezo de Nro:
10 heleroj.

La „Kongresa Bulteno" eliras ĉiutage dum la kongresaj tagoj je la 6a horo vespere.

La redakcianta Komitato:
*L. Kronenberg, E. Pfeffer, A. Czwörynski*

Nr. 2. KRAKOVO, MARDE LA 13. DE AUGUSTO 1912. Nr. 2.

## Parolado de prof. Odo Bujwid

dum la hieraŭa matenmanĝo, eldonita de la Krakova Urbestraro por la honorigo de nia Majstro:

Ni vidas inter ni homon de granda merito por la homaro, homon tiel modestan, ke mi timas per mia parolo ekvundi liajn delikatajn sentojn. Mian taskon plifaciligas mia persona interrilato al Zamenhof, kun kiu mi pasigis miajn studojn en la Varsovia universitato. Ĝiam silenta kaj modesta, ĉiam pensema — Li, de la plej frua juneco fordonis sin al la penso pri la lingvo internacia. Ni, Liaj kolegoj estimis Lian fervoron, sed ni ne povis ekkompreni lin ĝuste.

La ideo mem estis tiam sufiĉe diskreditita pro la komplete malsukcesinta provo de Volapük. Sed Zamenhof ne lasis sin fortimigi de la malsukcesoj nek eĉ de la mokado. Li iris rekte la vojon celitan. Li karesis sian penson, kvankam Li devis serĉi por ĝi la rimedojn en malfacila laborospeza vivado, portanta al malriĉa loĝantaro de Varsovio kuracistan helpon.

Antaŭ ne longe, antaŭ du jaroj, ni, komunaj kolegoj, festis, kunveninte en Varsovio, la dudekkvinan jubileon de nia laboro sur la kampo de la medicino. Alie ni rigardis nun la ideon de kolego Zamenhof, la ideon, kiu el la regiono de revoj transiris en la realecon.

Ni salutas hodiaŭ la grandiozan ideon, kiu komencas ĉirkaŭpreni la tutan mondon kaj ni deziras al ĝi tian disvolviĝon, kian ĝi sendube meritas. Samtempe ni deziras al Zam., ke tiu ĉi ideo ekregu sendivide la mondon, por fratigi la homojn kaj por pretigi pli bonan estontecon al la tuta homaro.

**Vivu Zamenhof!**
**Vivu Zamenhof!**
**Vivu Zamenhof!**

## Antau 25 jaroj.

Nia malnova samideano kaj esperanta poeto S-o L e o B e l m o n t antaŭ 25 jaroj, tuj kiam li eklernis Esperanton, ravite skribis al nia Majstro ĉi sutan leteron, en kiu li profetis la venkon de Esperanto.

*Estimegata Sinjoro:*

Mi devas ekdiri mian penson, mi ne povas malliberigi mian skribilon, mi bezonas nun, en plej proksimaj vortoj, ekvoĉi al vi: „Vi venkos, sinjoro, vi venkos!" Kvankam blinda mondo ridetas kaj ridegas, per fingroj montras la „lingvofaristojn, la gramatikajn ekvilibristojn la leĝdonantojn de tutmonda parolegaĵo", kvankam Volapükanoj, kaj Esperantoj hodiaŭ ne unufoje ruĝiĝas je vangoj en praktika societo, kaŝas en anguloj de l'animo sian „songeraron" aŭ eĉ faras sin „ridindaj"; kvankam iuj kritikuloj, geniiĝantaj nur antaŭ propra saĝeco aŭ antaŭ estinto, ne komprenantaj la estonton, ŝanceliĝas la „saĝaj kapoj", — kvankam, fine, multaj homoj ekbaros vian iradon kontraŭ Volapük, malgraŭ mil aliaj kaŭzoj kaj baroj, vi venkos, Sinjoro, vi venkos!

Mi nun, kun ĉiu tago, pli kredas, ke post mallonga tempo via lingvo eksonos en miloj buŝoj de l'unua fino ĝis dua fino de Eŭropo. Tiel facila ĝi estas, ke la plej granda parto de homoj ne komprenos vian laboron; jam hodiaŭ mi aŭdis: oni diris ke vi donis sciiĝon, ke vi nur ŝanĝetis la vortojn de lingvoj romanaj... kaj sciu, Sinjoro — ha, vi mem tion scias, ke ĝi estas la plej granda laŭdo por vi, la homaro tion poste komprenos!

Kaj mi, mi estos feliĉa, ke jam hodiaŭ mi konas vian lingvon. Kiom da plezuro havas mi per ĝi! Mi pli kaj pli miras, ke per via vortaresto oni povas eldiri ĉiolan riĉecon da pensoj kaj pensonuancoj.

Mi ne kredis ankoraŭ hieraŭ, ke mi trovos tion kion mi havas hodiaŭ. Ĝi ne estos superlando, se mi diros, ke en via lingvo oni povas ekkrei per facilaj rimedoj fortaĵon kaj malfortaĵon (egecon kaj etecon), kuraĝeson kaj ironion, ĉajrejojn kaj ombrejojn de pensoj, de sentoj, pli videble, pli kompreneble, pli senteble ol en la lingvoj naturaj; stilo de ĝi estos kun tempo pli originala, pli nova, pli lakonika kaj pensoplena, brila, harmonia kaj sprita!

Mi ne povus al vi ĉion diri antaŭ okuloj; sed vi povas kredi al mi per via tuta koro. Kiom mi skribas, mi skribas kun kredo kaj espero, kaj mi ne povas alie skribi, kiam mi vidas, ke mia plumo flugas, kuras kaj flusas sur papero kaj ankaŭ bone sekvas miajn pensojn kaj ne trompas min!

Kaj ĉu mi tre ŝvitis aŭ tre enuis, eklernante vian lingvon?... Ne!... neniom!...

Ho! se la instruistoj de l'amaso, la geniaj homoj, la poetoj konus vian lingvon!! Mi, kiu hodiaŭ iom konas kelkajn aliajn lingvojn, mi jam havas multe pli larĝan horizonton!

La kreinto de bona lingvo internacia estas preskaŭ dua Gutenbergo: tiu ĉi donis flugilojn al homa penso, tiu detruas la lingvajn murojn, kiuj baradis la pensojn de la diversaj popoloj!

Kaj vi estas tia kreinto! Kvankam mi estas nek antaŭvidanto, nek estontparolisto, (profeto) mi maltimas tion ekvoki:

**Vi venkos, Sinjoro, vi venkos!**



Supre ni reproduktas portreton de ĝenerala sekretario de la Organiza Komitato Dro Leono Rosenstock, vere ĝenerala ĉeforganizanto de Kongreso. Dro L. Rosenstock de unu jaro varmege klopodas pri la plena sukceso de la Oka Kongreso. Tion konfirmis en siaj paroladoj dum Inaŭguracia Kunsido de la Kongreso — prof. Carlo Bourlet kaj la sekretario de la Centra Oficejo S-ro G. Chavet, kaj ankaŭ la ovacio, farita post Kunsido de ĉeestantoj en Malnova Teatro pruvas, ke Li plene meritas tian estimon kaj dankemecon por siaj laboro kaj klopodoj.

## Programo

**de teatra vespero** 13 de aŭgusto 1912, en Arhitektura Ekspozicio.

**Unua parto:**

1) Prologo — (kiu povas esti aŭ ne esti, tiel nomita). S-ro Strachot F. (Polo).

2) Ĥorkanto:

a) „Laikanto" de J. Gall (esperanto) la krakova kantlernantaro de prof. S. Bursa;

b) „Mazurek" de S. Bursa (pole) la krakova kantlernantaro de prof. S. Bursa.

3) Skotaj Humoraĵoj, S-ro John Mabon Warden (Skoto).

4) Hungaraj Kantoj (kun akompano de cimbaloj), S-ino Etelka de Shater, Hungarino.

5) „**U R S O**", komedio en unu akto de Ĉeĥov, tradukita el la rusa lingvo de S-ro Devjatnin.

Personoj: Popova, S-ino Schaeler (Germanino); Smirnov, S-ro Devjatkin (Ruso); Luka, S-ro Rifaat Romano (Turko).

Paŭzo 10 minutojn.

**Dua parto.**

6) Hungaraj kantoj kun akompano de cimbaloj:

a) „La nokto de nigrokuloj brilas kiel ĉielsteloj", S-ino Etelka de Shator (Hungarino);

b) „Je tio petas min la patrino: amuzi nur unu amatinon“, S-ino Etelka de Shator (Hungarino).

7) Polaj Humorajoj:

a) „Fatala tago“, S-ro Stradiot Feliks (Polo);

b) „Logiko de niaj virinoj“ S-ro Stradiot Feliks (Polo);

c) „En fremzulejo“, S-ro Stradiot Feliks (Polo).

8) Horkanto:

a) „Heroa kanto“ de St. Moniuszko, la krakova kantlernantaro de S-ro Prof. St. Bursa (Poloj);

b) „Krakovisko“ de J. Gall, la krakova kantlernantaro de S-ro Prof. St. Bursa (Poloj).

Komenco de Spektaklo je 9 vespere.

---

## „Kongresa Bulteno“.

Dum la unua reprezentado en Teatro de Novajoj oni kolportis en la ĉambro unuan numeron de „Kongresa Bulteno“ oficiala organo de la Oka, kiu aperados kiel la eksterordinara aldono al „Ilustrita Kuriero Ĉiutaga“. La disvendado vigle progresis kaj en unu momento poste estis nek unu partoprenanto de la kongreso, kiu ne estus provizita per la gazeto.

La redaktado de bulteno renkontiĝas kun multe da baroj: komence mankis niaj esperantaj redaktantoj, la kompostistoj ne konantaj la lingvon ne povas tiel rapide komposti la gazeton kiel en naciaj lingvoj, kaj tial la plibonigado de elpresita teksto postulas pli multe da tempo. Cetere mankas la homoj kiuj volus kunlabori, kaj la grupoj 4 laborantoj estis devigataj samtempe verki, traduki, plibonigi la tekston.

Ni petas samideanojn, en Via propra afero: Helpu al ni, alsendante la artikolojn pri viaj impresoj el Krakovo kaj viaj eventualaj postuloj kaj deziroj.

---

## Unua tago de Universala Kongreso Esperantista.

### Antaŭ malfermo de la kongreso.

La tago antaŭiranta malfermon de la kongreso, havis jam karakteron de festa tago. Jam du trionoj de la partoprenantoj de la kongreso troviĝis de la mateno en Krakovo, vizitante la stratojn de la urbo kaj interese rigardante la konstruaĵojn. Plejvolonte tamen ili sidis en la domo de Komerca Akademio, transdonita al la uzo de la Kongreso. Tie troviĝis ĉiuj kongresaj oficaj butikoj, banko (provizora filio de Krakova Landa Banko) bufedo, la skribĉambro kaj la jurnalista ĉambro — fine sur III. etaĝo: Esperanta Ekspozicio tre riĉe provizita kaj efektive tre interesa.

Malgraŭ ĉirkaŭ milo da personoj vizitintoj ĉiutage la ĉambroj kaj koridoroj de Akademia konstruaĵo, ĉie regis perfekta ordo, konservata antaŭ ĉio per la kongresantoj mem.

### Sur la stratoj de la urbo.

Urbo vestiĝis festene por la kongreso. El urbaj konstruaĵoj flirtis standardoj en la urbaj kaj naciaj koloroj. Ankaŭ multe da domoj elpendigis standardojn el la frontonoj, plejmulte kiel generale en Floriana strato. Estis malmulte da esperantaj standardoj, ĉar nur sur hotelaj konstruaĵoj, tamen multe de malgrandaj samkoloraj signifantaj firmon rekomenditan per la kongresa komitato, kie oni parolas esperante. Ankaŭ kelkaj hoteloj kaj privataj konstruaĵoj en logejoj distingiĝas per la samaj signoj.

Harmonie plikompletigis tutaĵon afiŝoj en Esperanto. Aperis tiel multe da ili, ke ili formis 80% da ĉiuj urbaj afiŝoj.

### Prezentado en teatro de Novajoj.

Sabate vespere preskaŭ ĉiuj gastoj troviĝis en la konstruaĵo de „Teatro de Nowości“, kies kabaretan parton oni prezentis esperante. Larĝa ĉambro teatra pleniĝis ĝis la lasta sidejo, kaj la agordo estis efektive solena. En unu de loĝioj prenis lokon la kreinto de la lingvo kun la edzino.

Post finita unuakta prezentado, teatra koro kantis „Esperantan Himnon“. Oni aŭskultis la kanton solene.

Kabaretan flankon pleniĝis artistoj de la Teatro de Novajoj: Paŝevska, Sydor kaj Karbowski kantante kaj deklamante. Kun granda plezuro oni aŭskultis la kantadon de almozulo „Kial en Krakovo okazadas la VIII Kongreso“, traktanta pri krakova delegito, kiu ne estas tiel fraŭlinama kiel oni lin prezentis, sed tre zorgema kunorganizatoro de Oka, al kiu la kongreso multe ŝuldas. Tre interesa estis ankaŭ la parolado pri „Centra Kuirejo“ de Juhasz Kriss („Hino“), kiu bone posedas la lingvon kaj ŝerce priparolis la tendencojn en nuna Esperantistaro.

### Alveno de novaj kongresanoj.

Dum la reprezentado en malnova teatro alvenis al Krakovo la lasta parto de Krakovaj gastoj kalkulanta kelkcenton da samideanoj.

Alvenintaj gastoj, tuj dislokiĝis en la loĝejoj.

Granda ordo regis en la stacidomo kaj antaŭ la Komerca Akademio. Policanoj esperantigitaj kaj la komisaroj informis fremdajn samideanojn.

### Dimanĉe antaŭtagmeze.

Sekvantan tagon jam matene komenciĝis la kunsidoj de apartaj sekcioj en la ĉambroj de komerca Akademio. Tie debatis precipe germanaj esperantistoj, kiuj multnombre partoprenas en Krakova kongreso.

Samtempe oni fotografis kelkfoje en la Komerca Akademio naciojn kaj apartajn personojn.

Tuj [illegible] la kongreso mem, kiu oficiale komenciĝis je 3 posttagmeze.

### Matenmanĝo arangita de la Urbestraro.

Jus antaŭ la inaŭguracio je 1 h. okazis matenmanĝo en restoracio de Malnova Teatro por honoro de la delegitoj de nacioj reprezentataj en la kongreso. Kun la reprezentantoj de la Urbkonsilantaro aŭtonomaj institucioj kaj Krakova preso, kunvenis apud la tablo pli multe ol cent personoj. Unua parolis la viceprezidanto Szarski (pole kaj samtempe pedeloj disdonis esperantan tekston de la parolado, saluttante la kunvenon en la nomo de la urbo, kion sekvis paroladoj de dro Zamenhof kaj de la delegitoj de apartaj nacioj.

Babilante ĝis 3a horo oni fotografigis sin sur la ŝtuparo de Arta Palaco.

### Ovacio por Dro Zamenhof.

Post la matenmanĝo okazis inaŭguracio de la kongreso, dum kiu parolis en nomo de krakova Organiza Komitato prof. Bujvid salutante Internacian Kongreson inter muroj de nia urbo.

Poste la prezidanto donis voĉon al la kreinto de Esperanto Dro L. L. Zamenhof. Kiam la Majstro leviĝis de sia seĝo ĉeestantoj ankaŭ ekstaris Lian ekzemplon kaj trifoje vivuante, longe kaj brue aplaŭdis la Majstron, por kies honoro oni fine ekkantis himnon „La espero“. Tiam la Majstro komencis paroli kun granda libereco kaj Lian paroladon la ĉeestantoj aplaŭdis kelkfoje. Kiam la Majstro sciigis, ke la krakova Kongreso estas la lasta, dum kiu Li aperas antaŭ Kongresanoj, ekbruis unuvoĉe la protesta vorto: „ne, neeble“.

Sekvis la paroladoj de oficialaj reprezentantoj registraraj, inter kiuj plej grandan impreson faris la parolado de I. k. r. Subkolonelo L. Gostomski, oficiala reprezentanta de aŭstriaj ministerioj por milito kaj landa defendo.

### 23 nacioj.

Sekvis dekkelkaj paroladoj el diversaj nacioj, inter kiuj diferenciĝis plej bele la rumanaj delegitoj, el kiuj unu blinda donacis al nia Majstro portreton kun propramana subskribo de la regino rumana Elizabeto, konata poetino sub la pseŭdonimo Carmen Sylva. Inter paroladoj de la reprezentantoj distingiĝis ankaŭ kapitano de aŭstria artilerio, kaj kimra samideano Jack Edwardo el Aberystwyth, kiu antaŭ ĉio klarigis kie loĝas kimra nacio, lasta restaĵo el tre riĉa loĝantaro latinigita de Cezar kaj de la romana invado. Ankaŭ la parolado de baska samideano, bedaŭrinde tre mallonga, kvankam ni volante aŭdus pli multe pri tiu nacio, kies parenceco kun aliaj estas tiel malklara.

Paroladoj kaj personoj de la Japano, Meksikano kaj Hindo vekis grandan sensacion, simile kiel de majoro de la regimento hungara el kroata tamen nacio, kaj de Finlandano, Serbo, Bulgaro, Dano, Svedo, Norvego, Ruso (reprezentanto de la ministerio de publika instruado), Ukrainano, Italoj, Angloj, Irlandano, Skoto, Belgo, Katalunoj kaj de pola reprezentanto Grabowski el Varsovio.

### Fino de la inaŭguracio.

Fine oni tralegis tutan ordon de la telegramoj kaj gratulaj leteroj de la esperantaj societoj kaj eminentaj esperantistoj. Oni akceptis ilin kun aplaŭdoj, kiuj transiris en mugan esprimon de neeldirebla ĝojado post la tralego de la depeŝo de ĥinaj esperantistoj el Ŝanghaj.

Poste oni decidis sendi telegramon al aŭstria imperiestro kaj rumana imperiestrino laŭ propono de Leo Belmont, advokato kaj redaktoro el Varsovio.

### Raŭto en Pafilejo.

Du horojn poste kunvenis denove preskaŭ en kompleto 1000 personoj, por komuna vespermanĝo kaj la raŭto. Vesperon oni pasigis tre agrable, konatiĝante reciproke kaj babilante. Orkestro de 100 regimento de la infanterio ludis ĝis la noktomezo, antaŭ nian himnon. Oni faris al nia Majstro ovacion ĉirkaŭportante lin sur la brakoj.

La raŭto daŭris ĝis la 1 h. post la noktomezo.

### Kunsidoj lundaj.

Hodiaŭ je $8\frac{1}{2}$ horo matene kunvenis preskaŭ ĉiuj kongresanoj sub monumento de Mickiewicz (Ĉefplaco - Rynek) kie okazis unua komuna fotografado. De tie ĉiuj ekiris marŝe kaj venis sub kastelon sur Wawel-monto, kie sekvis dua komuna fotografado.

Poste ĉiuj revenis ĉambregon de „Malnova Teatro“, kie antaŭ 10-a horo S-ro B. Mudie malfermis kunsidon de U. E. A.

Nelonge poste, ĉar post 11-a horo komenciĝis debatojn en ĉambroj de Komerca Akademio III diversaj fakaj sekcioj. Okazis la kunsidoj de liberpensuloj, katolikoj, jurnalistoj esperantistaj, psikistoj kaj teozofoj, farmaciistoj, kaj fine de ruĝkrucanoj.

Hodiaŭ okazis ankaŭ kunsido de la anoj de „Germana Esperanto Asocio“.

Posttagmeze je $2\frac{1}{2}$ horo okazis kunsido de kuracistoj (en salono de „Kuracista Societo“ ĉe str. Radziwiłłowska), de instruistoj, juristoj, bankoficistoj, poŝtoficistoj, komercistoj.

La kunsidon de liberpensuloj prezidis prof. Dro Stromboli el Genova. Oni decidis, ke sekvanta kunsido okazu vendrede 16-an, dum kiu oni elektos esperantistajn Delegitojn por Internacia Kongreso de liberpensuloj en München (Germanujo).

Jus, kiam ni donas tiu ĉi artikolon por presado, komencis siaju laborojn Rajtigitaj Delegitoj en Malnova Teatro.

Je 6-a horo vespere okazos en Salono de Kursista Societo (str. Radziwiłłowska 4) du prelegoj: unu de D-ro Andreo Fiŝer el Tiflis „Pri duonforgesita anguloto de Kaŭkazo“ la dua de D-ro Geliebter el Vieno „Pri timiga iluzio kaj realeco“.

Je 10-a horo vespere tuj post finiĝo de la Jubilea Festvespero okazos en sukeraĵejo de J. Michalik (str. Floryańska 45) vespermanĝa kunveno de studentoj-esperantistoj.

## RICEVITAJ ELDONAJHOJ.

**La Redakcio recenzas nur la verkojn, alsenditajn al ĝi en du ekzempleroj.**

Odo Bujwid, profesoro de Jagellona Universitato en Krakovo: Kvin prelegoj pri bakterioj. Skizo pri ĝeneralaj principoj de bakteriologio en apliko al infektaj malsanoj. Kun aldono de rimarkoj kuracaj, inokuloj profilaktitaj kaj desinfektado. Krakovo, Gebethner kaj Kio; prezo 50 Sd. = 1 K. 20 h.

Kun disvastiĝado de nia lingvo, disvastiĝas ankaŭ ĉiam pli kaj pli esperanta scienca literaturo.

Precipe ne mankas jam verkoj medicinaj en Esperanto. Longan vicon de la antaŭe aperintaj pliriĉigas jus aperinta broŝuro de fama pola bakteriologisto Bujwid, samtempe fervora esperantisto. Pro manko de speciala scienco en la medicina direkto ni ne povas recenzi la verkon; ni nur konstatas, ke ĝi estas zorge eldonita kaj ke la esperanta traduko de So. Emil Pfeffer estas modela kiel ĉiam. La valoron de la libro altigas multe la aldonita tabelo de mikrofotografiaj surprenoj.

Ilustrita Gvidlibro tra Budapeŝto de Géza Nyulászy de Csaholy aperis antaŭ nelonga tempo en 10,000 da ekzempleroj. Eldonaĵo zorge prilaborita kaj ĝenerale tre rekomendinda al la esperantista publiko.

Ruĝa standardo, la internacia himno de socialistaj esperantistoj. Jubilea eldono, Kraków 1912. Esperantigis S. K. Aĉetebla en Krakovaj librejoj. Prezo ne montrita. La traduko estas vere majstra.

La novaj fervojoj tra aŭstriaj Alpoj. Eldono de aŭstriaj ŝtat fervojoj. La libreto estas ornamita per riĉaj fotografaĵoj.

„La Marto“ Kongresa jubilea numero. Ĉiam agema So. Taubmann, redaktoro de „La Marto“ faris al siaj abonantoj tre agrablan surprizon. Okaze de la jubilea kongreso li eldonis specialan numeron, kiu devas troviĝi en la manoj de ĉiuj kongresanoj. En la jubilea numero trovas sin bonega artikolo pri Krakovo, verkita de Sino Laŭra Schleichkorn.

Instituto de l'higieno de Jagelona Universitato en Krakovo eldonis la broŝuron de Bujwid, titolitan: „La apliko de radioj ultraviolaj al sterilizo de l'akvo.

Kunveno de esperantistaj liberpensuloj okazis hodiaŭ. Je la nomo de polaj liberpensuloj malfermis ĝin So. Kronenberg. Prezidanto estas elektita So. Stromboli el Italujo. Oni diskutis pri la aranĝota propaganda kunveno poresperanta inter Krakovaj neesperantistaj liberpensuloj. Plej proksima kunveno merkrede. Ĉiuj liberpensuloj estas petataj alveni.

## Kio estas la „Popola Universitato de Adam Mickiewicz en Krakovo?“

Antaŭ ĉio ciferoj:

1883 prelegoj, kiuj kolektis 275.487 aŭskultantoj. 1457 prelegoj kvartalaj kun 68.847 aŭskultantoj, 180.028 volumoj tempruntitaj el Biblioteko, 141.313 vizitantoj la Legejon, karakterizas la ĝisnunan agadon de la „Popola Universitato“ en Krakovo. La iniciativo kaj laboro de Popola Universitato donis la ĉefaĵojn fundamentojn al Publika Biblioteko enhavanta pli ol 10,000 verkojn precipe de scienca enhavo kaj kreis solan Publikan Legejon en Krakovo, posedantan pli ol cent gazetojn. Eminentaj sciencistoj partoprenis en multaj prelegoj, kiuj konigis al aŭskultantoj, devenantaj el ĉiuj sociaj klasoj, la nacian kulturon kaj la akirojn de civilizacio (homaro), kaj klarigadis la plej gravajn demandojn sciencajn kaj de ĉiutaga vivo. Prelegoj en Popola Universitato pliriĉigis sciencan literaturon per multaj belaj kaj facilaj libroj (inter kiuj troviĝas tiel entuziasme akceptitaj de kritiko eldonaĵoj de „Naturscienca Biblioteko“). Metodaj laborakiroj de la Popola Universitato kaŭzis la seriozajn diskutadojn koncerne la aferojn de la popularigo; resumos ilin aperonta speciala libro.

Ĉe Popola Universitato ekzistas oficejo pe scienca konsilo, donanta al la menlernantoj indikojn: socia arkivo kolektanta dokumentojn de socia vivo; kultura arkivo, donanta al la laborantoj por popola klerigo riĉan materialon. Popola Universitato aranĝas konstante ekskursojn al muzeoj, ekspozicioj, antikvaj restaĵoj, fabrikoj, — naturscienca ekskursojn k. t. p.

Popola Universitato estas la sola institucio, en kiu de multaj jaroj okazas ĉiujare prelegoj pri internacia lingvo, kiuj propagandas esperanton.

Popola Universitato estas ĉe ni la sola institucio kleriga, kiu (malpli diversflanka ol aliaj societoj, malpli videbla en politika vivo) sisteme kaj laŭplane laboras de multaj jaroj sur sama posteno por efektivigi kaj pliprofundigi la asertou „scienco por ĉiuj“.

La Popola Universitato, fondita pro consta naskiĝiaro de nia granda poeto, profesoro de universitato en Lozanno kaj Genevo, kies revo kaj idealo estis: ke liaj libroj troviĝu sub ĉiu pajla tegmento, arigas la tutan socion kaj antaŭ ĉio tiujn „malgrandulojn“, al kiuj la regno ne donas la postulitan kulturon kaj al kiuj la tre malfacilaj vivkondiĉoj ne permesis lerni. Precipe fruktodona estas la laboro inter laboristoj, kiuj kun entuziasmo aŭskultas prelegojn kaj preterlasas nenian okazon por ekkoni de niaj prelegantoj kaj el niaj libroj la belecon de l'mondo kaj akirojn de kulturo kaj scienco.

Popola Universitato atingas ankaŭ vilaĝojn. Eĉ en tre malgrandaj vilaĝoj malproksime de fervojo oni renkontas prelegantojn de P. U., kiuj ĉie entuziasme portas, laŭ vortoj de pola poeto, lampojn de la kulturo.

La laboro de P. U. estas batalo kun ĉiuj elementoj, kiuj volonte vidus malkleron, por kiuj malklereco de la popolo estas sojlo, per kies helpo oni atingas havaĵon kaj gloron. La malfacila kaj penega laboro kleriga donos kun tempo belegajn fruktojn.

La Popola Universitato posedas en ĉiuj partoj de Galicio filion kaj nia kuna laboro disvastiĝas ĉiam pli kaj pli.

La kuranta kongreso esperantista sur Pola tero trovas nin ankoraŭ pliriĉigitajn.

Ni proponas dum venontaj kongresoj esperantistaj la kreon de fako de klerigaj arigoj.

*Centra Komitato*
*de Popola Universitato—Krakov.*

## LOKA KRONIKO.

**La kongresanoj,** kiuj antaŭpagis loĝejon ricevos sian monon en la akceptejo. La leko estos publikigita afiŝe.

**Propono pri la kunveno de esperantistaj jurnalistoj.** Je la nomo de la Redakcia Komitato de „Kongresa Bulteno“ mi proponas, ke la kunveno de esperantistaj jurnalistoj okazu marde je 8-a horo vespere. Ĉiuj partoprenontoj bonvolu sciigu min pri tio. *L. Kronenberg.*

**Ni estas petataj de S-o Levy,** nia rumana samideano, ke li akceptas dum la kongreso antaŭpagon por tiea esperanta gazeto „Danubo“. Koncerne S-on Levy ni rememorigas la kongresanojn, ke lia parolado dum la malferma kunsido de la Oka faris grandegan impreson sur ĉiuj ĉeestantoj, pro tio, ke la paroladinto estas naskita blindulo. La ekabonon de „Danubo“ ni varmege rekomendas al ĉiuj gesamideanoj, des pli, ke la esperantista movado en Rumanujo estas precipe subteninda.

**La reĝa dragona regimento N-ro 10,** havas la honoron inviti ĉiujn kongresanojn por senpaga vizito de la ĉevalvetkurado jaŭde 15-an posttagmeze je 3-a sur la Krakova ĉevalkurejo.

**IIIa Kongreso de U. E. A.** Labora Kunsido de U. E. A. okazos merkredon matene je la 9a horo en la Kongresejo de U. E. A. ĉe la Komerca Akademio. Ĉiuj Esperantianoj estas invitataj aĉeti la Kongreskarton ĉe la Oficejo de U. E. A. en la Komerca Akademio.

**Ekskurso al Zakopane kaj Tatry** okazos tuj post la fermo de la Kongreso dimanĉe 18-an je la 6a horo matene. Kunveno en la stacidomo. En la programo estas vizitado de muzeoj, de famo „Morskje Oko“ (Mara Okulo), vizitado de ĉirkaŭaj montoj. La tritaga ekskurso kostos 25 Sm. enkalkulante manĝaĵojn, hotelon, fiakrojn k. t. p. kiu volas aliĝi, anoncu sin tuj en la Akceptejo ĉe la speciala tablo.

**Ekskurso al Praha.** Ĉiu veturonto al Praha post la Kongreso bonvolu sciigi sian adreson al delegito de U. E. A. Vojtech Kraus (Prahano), kiu donos al ĉiu bezonajn informojn. Nuna adreso: Kraus, Esperanto, Krakovo, Hotelo Narodovy.

**Krakovajn vidaĵokartojn,** esperantajn, kongresajn poŝtkartojn jubileajn kaj ankaŭ kongresajn markojn propagandajn oni povas aĉeti ĉe apartaj tabloj en koridoro de unua etaĝo. Ĉiu kongresano sendu al siaj konatuloj kongresajn kartojn kun speciala kongresa poŝt-stampilo, (tre malofta okazo por filatelistoj). Helpu la kongresan kason.

Leterojn kaj poŝtkartojn oni devas ĵeti en poŝtan keston, kiu troviĝas ĉe ŝtuparo de teretaĝo (inter la Bankoficejo kaj Bufedo).

**Teozofia kunveno** organizata de T. E. L. (Teozofia Esperanta Ligo) okazos la venontan vendredon je la naŭa matene kun sekvanta laborprogramo.

1) Parolado pri la teozofia doktrino parolos Sino Dion-Trouillon.

2) Sinjorino Liord legos eltirajon el la verkoj traktantoj pri la teozofio.

3) Raporto pri la farita laboro) (La historio de l'organizaĵo).

4) Laborprogramo por la estonteco.

5) Proponoj kaj ĝenerala diskuto.

Ĉiuj Esperantistoj interesiĝantaj pri la gravaj problemoj, kiujn pritraktas la teozofio: estas petataj veni akurate por helpi al la disvolvo de T. E. L.

**Internacia Studenta Kongreso** okazos marde 13/8, en speciala ĉambro de Komerca Akademio III. Kongreson aranĝas Ĝiostudenta Asocio, reprezentota per generalsekretario sro. Mareš. Programo: 1) Malfermo de la kongreso (kol. Mareš). 2) Elekto de la prezidantaro de la kongreso. 3) Legado de salutleteroj kaj salutoj de la delegitoj. 4) Paroladoj: a) Praktikaj bezonoj de la esperantista studentaro (kol. J. Mendrkiewič), b) Organiza

demando (kol. E. Loth), c) Pri studenta organizajo (kol. K. Haltmar, d) Centra organizajo de la studentoj (kol. R. Hromadaj, e) Pri „Universala Studenta Asocio“ (kol. J. Meres). 5) Specialaj proponoj pri unu sola, centra internacia organizajo de la esperantista studentaro. 6) Voĉdonado. Definitiva decido pri la studenta centro. Elekto de la prepara komitato. 7) Fermo de la kongreso au resp. sciigo de la dua kunveno.

Gekolegoj, kiuj volas ankoraŭ parolaŭi komuniku tion antaŭe al kol. Meres.

**Grava avizo!** Kongresanoj antaŭpagintaj loĝejoju bonvolu veni en la akceptejon merkredo la 14 an de aŭgusto inter la 9-a kaj 12-a horo antaŭtagmeze, kie la kasisto repagos al ili la monon!

**Kongresa poŝtoficejo.** Ni sciigas ĉiujn kongresanojn, ke la leterojn eksterlandajn kaj ekster krakovajn ili povas ricevi nur en kongresa poŝtoficejo, kiu troviĝas 120 paŝojn proksime de la kongresejo nome ĉe la strato Podwale nro 3.

Antaŭ la pordego de la poŝtoficejo sub la lanterno pendas surskribo: Kongresa poŝtoficejo.

La interkongresanajn leterojn oni devas ĵetadi en la leterkeston, kiu troviĝas en Akceptejo (konvena surskribo!) ankaŭ tie ĉe unu oficisto kongresa ili estas ricevebaj.

**Kulturhistoria (epoko 1813/1815) kaj gardenkultura ekspozicioj.** Breslaŭ majo ĝis oktobro 1913, aranĝataj de l' Gef- kaj Rezidencurbo Breslaŭ (Silezio — Germanujo).

**Krakova gazetaro.** Lastaj sciigoj. Estas surprizita kaj mirigita por la hieraŭa malferma kunsido de la Kongreso. Oni ĉion laudas, ĉion kortuŝite priskribas. Verŝajne nia Espero ekmarŝis venke Krakovon kaj Polujon.

## Programo de la Fakaj Kunsidoj de T. E. K. A.

### A) Administra kaj organiza parto.

I. — Malfermo de la kunsidoj kaj raportoj de la Sekretario D-ro E. Rothschuh (Aschen) kaj de la Kasisto D-ro G. Johnston (London) pri la nuna stato de la Asocio.

II. — Demando pri la Statuto de T. E. K. A. (projekto de D-ro L. Chybczynski: vidu la N-rojn 2, 3, 4, 5 de „Oficiala Bulteno“).

III. — Demando pri la Medicina Jurnalo, eldonota de T. E. K. A. mem (raporto de la Redakcia Komitato).

IV. — Demando pri la partopreno de esperantistoj kuracistoj en la Internacia Londona Kongreso Medicina de la jaro 1913.

V. — Proponoj:

1) Ke T. E. K. A. aliĝu kiel faka organizacio al U. E. A. (D-roj E. Sós, Wien, kaj K. Weiss, Schwäb.-Gmünd).

2) Ke la anoj de T. E. K. A.-estraro pagu jare nur la diferencon inter la kotizo kaj faritaj de ili elspezoj (D-ro H. Šipek, Luhsĉovice, Moravio).

3) Ke oni altiru al T. E. K. A., kun la celo de financa helpo, entreprenojn, kiuj dependas de la subtenado de la kuracistoj (sanatorioj, klimataj kaj banaj kuraclokoj kaj iliaj hoteloj kaj pensionoj, hemiaj, kuracnutrajoj, kuracilaj fabrikoj, drogistoj, eldonistoj kaj vendistoj de medicinaj libroj kaj jurnaloj k. t. p.) (D-ro H. Šipek).

4) Pri senpaga loĝado kaj pensiono de vojaĝantaj kuracistoj en hospitaloj kaj kuraclokoj (D-ro H. Šipek).

5) Pri internaciigo de kuracistaj diplomoj (D-ro H. Šipek).

6) Ke oni fondu naciajn kuracistajn societojn por la enlanda esperanta propagando (D-roj K. Šidlovskij, Moskvo, kaj E. Rothschuh, Aachen).

7) La kuracista fakliteraturo kaj Esperanto (D-ro K. Weiss).

8) Aliaj proponoj faritaj.

### B) Scienca parto.

RAPORTOJ:

I. — D-ro E. Sós (Wien): La konservado de dentoj kun malsaniĝinta pulpo.

II. D-ro A. Fišer (Tiflis): La diagnozado kaj ĥirurgia kuracado de eksterutera gravedeco.

III. — D-ro J. Dabrowitz (Varsovio): Pri 606.

IV. — D-ro W. Broeckaert (Antwerpen): La temo estas rezervita.

V. — D-ro J. Gelibter (Zamość): La temo estas rezervita.

Krom tio, T. E. K. A. aranĝas dum la Kongreso publikajn prelegojn pri popularaj medicinaj temoj por la Kongresanoj. Ĝis nun estas anoncitaj jenaj prelegoj:

1. D-ro A. Fišer (Tiflis): Strumo kaj kretenismo en Svanetio (kun lumbildoj).

2. D-ro Rafael de San Millan (Madrid): Gimnastiko kaj atletaj sportoj.

3. D-ro Fels (Lvovo): Unua helpo ĉe sangado.

4. D-ro E. Sós (Wien): Pri la historio de dentkuracado kaj tekniko de artaj dentoj.

Vi vidas, kolegoj, kiel multampleksa estas nia programo, kiom da gravaj precipe organizaj demandoj ĝi enhavas. Do venu la Jubilean Kongreson grandare, por partopreni la diskutadon kaj fari decidojn, kiuj sukcesigus al T. E. K. A. ĝian ĉiaman tradon antaŭen!

*La Centra Komitato de T. E. K. A.*

## Telegramoj el la Mondo.

### El Aŭstrio.

**Aŭtomobila okazintajo.** (Vieno). En XVIII kvartalo ĉe strato Neuwaldegg, hieraŭ vespere renversiĝis la aŭtomobilo. La pasaĝeroj grave vunditaj, la ŝofero estas sen vundoj.

**Mont-oficroj.** (Trieste). Dum montara ekskurso tri oficiroj kaj unu unujara volontario *falis* de granda alteco. La volontario mortiĝis, la oficiroj ricevis gravajn vundajn.

**Mara katastrofo.** (Pola). En torpeda ŝipeto „Gaea“ rompis la tubo, trakondukanta la vaporon el la kaldronoj. La tri maristoj estis tiel grave vunditaj, ke ili post kelkaj horoj mortis.

### El Kroatujo.

**Verdikto en la proceso de Jukić.** (Zagreb-Agram). Hodiaŭ je 11 matene oni publikigis la verdikton en la proceso pri la atenco kontraŭ la bano de Kroatujo.

Studento Jukić estis kondamnita al mortpuno per la pendigo. Akuzita kroato estas kondamnita por 6 j. de grava malliberejo, akuzitaj Cvijić, Caesarec, Bubrić Neudhardt kaj Horvatin ĉiu per 5 jaroj de malgrava malliberejo, Zarinić per 6 monatoj de la malliberejo. Kvar akuzitaj oni liberigis de la kulpo kaj de la puno.

### El Turkujo.

**Tertremo.** (Konstantinopolo). Tertremo, kiu okazis en Dardanela markolo kaj en ĉirkaŭajo de Marmora marbordoj, faris grandegan dezertigon. La urbo Gallipoli estas dezertigita. Kora, Krassia kaj Herkissa bruligita, la urbo Myriophilo renversiĝis. Oni kalkulas, ke pereis kaj estas vunditaj pli ol 1000 personoj. En la urbo Kalesi disfalis la rusa konsulejo. Ministraro helpdonis al la oferaj de malfeliĉo 3000 turkaj funtoj.

**Infera maŝino.** (Saloniko). Hieraŭ je la 10. horo vespere eksplodis en ĉi-tiea aŭstria poŝtoficejo infera maŝino. La ejo detruita, sed la leteroj kaj sendajoj estas savitaj. La polico serĉas energie la krimulon.

### El Rusujo.

**La vizito de S-o Poincaré** (Petersburgo). Geimperiestroj akceptis la S-on Poincaré en Peterhofo. La imperiestro distingis lin per la ordeno de Aleksander Nevski. Oficiale oni neas, ke la afero Dardanela estis priparolata. Oni diras, ke la rusa registaro intencas preni la novan prunton. Tion neas tute decide la ministerio de financoj.

### Krakova Tramo.

Staridomo
Teatro de Novajhoj.
Ponto al Podgórze
Rynek 2
cuelginco 4
Hotelo Franca
Malnova teatro
Str. Długa
Komerca Akademio.
Redakcio de „Kongresa Bulteno“
4 „Sokół“
Zwierzyniec 3
Krakova parko
Arhitektura ekspozicio
Tramlinioj.
konstruataj
Parko de Dro Jordan
Monteto de Kościuszko



El la presejo kaj stereotipio de la fratoj E. kaj Dro K. Koziański, Kraków.

Respondeca redaktisto: Maryan Dąbrowski




# RESA TENO

aldono al »ILUSTROV DZIENNY« al n. 184.

Redakcio, Administracio kaj Ekspedicio
Kraków, str. Karmelicka, l. 16.
Telefono 1198.
Ĉefredaktoro kaj eldonisto *Maryan Dąbrowski.*

La „Kongresa Bulteno" eliras ĉiutage dum la kongresaj tagoj je la 6-a horo vespere.

La redaktanta Komitato:
*L. Kronenberg, E. Pfeffer, A. Czubryński*

Nr. 3. KRAKOV STO 1912. Nr. 3.


## Esperanto kaj patriotismo.

Originale verkita de **Adam Zakrzewski L. K** (Bona Peco).

Ni, esperantistoj, aŭdas ofte riproĉon ke nia laboro estas danĝera por lingvoj naciaj, ĉar ni penas anstataŭigi ilin per unu lingvo universala, tutmonda. Por naciaj lingvoj ni ne lasas eĉ plej malgrandan lokon! Tiamaniere, oni diras, ni intencas detrui naciajn sentojn! ni neniigas patriotismon!

Parolante serioze, tiaj intencoj, se ili ekzistus, estus sensencaj infanaĵoj, pri kiuj certe neniam okupis sin maturaj homoj. Tien neniam celis diversaj aŭtoroj de lingvoj internaciaj nek multenombraj adeptoj de tiu ideo.

Esperantismo ne estas ja politika aŭ socia doktrino, sed nur lingva afero. Esperanto estas kreita por faciligi rilatojn inter diverslingvaj homoj, al kiuj ĝi tute ne intencas forpreni iliajn lingvojn naciajn. Ĝi restos por ĉiu lingvo fremda en sama grado, en kiu estas fremdaj ĉiuj lingvoj krom la patra. Se la ellernado de lingvo latina aŭ angla ne ŝajnas al ni kontraŭa al niaj naciaj sentoj kaj akordiĝas kun plej varma patriotismo, kial nur unu fremda lingvo, Esperanto, estas konsiderata kiel terura por tiuj ŝatindaj sentoj?

Laŭ opinio de kelkaj personoj la lingvo internacia eĉ ne devas esti uzata por originala poezio aŭ literaturo. Sro. Bollack, aŭtoro de bela verko pri tiu ĉi demando eĉ skribis: „estus tute sufiĉe, se ni povus traduki en lingvon internacian la Geometrion de Eŭklides kaj numeron de „Times" (tiu jurnalo ne havas felietonojn nek poeziojn). Tradukoj de sciencaj verkoj, leteroj privataj kaj komerca korespondo inter diverslandanoj, buŝaj komunikaĵoj kun fremduloj, ĉiuj universale okazoj, en kiuj ni hodiaŭ devas nin turni al tradukaĵoj kaj tradukistoj, — jen estas antaŭ ĉio la kampo de lingvo internacia.

Scienculoj, kiuj bezonas koni staton de siaj specialaĵoj en aliaj landoj kaj devas pro tio ellerni multajn lingvojn fremdajn, — komercistoj, subtenantaj rilatojn kun diversaj landoj, — eĉ modestaj metiistoj, forveturantaj en eksterlandon por pliboniĝi sian metion, — fervojistoj, hotelistoj, restoraciaj servistoj, ricevantaj ĉiutage fremdulojn, — ili ĉiuj kvankam tute bonaj patriotoj, sentas pli kaj pli forte bezonon de lingvo internacia.

Tio estas praktike la plej grava, reala flanko de la demando. Ĝi, kompreneble, havas nenion kontraŭan al patriotismo.

Se tamen okaze aperos iam talentplenaj poetoj aŭ romanverkistoj, kiuj skribos Esperante belegajn poeziojn, rakontojn aŭ

Sonas vigle signaloj,
Jam vekiĝas la valoj:
— Kiam estos, kiam estos Junedzino ve-
[stita?

Brues supro granita;
La Junedzo, vekita,
Matenruĝon ebenĝas,
Karan vorton atendas:
— Kiam estos, kiam estos Junedzino ve-
[stita?

Iras ar' amikina
Al la hejmo estrina,
Iras kun la rozfloro
Al renkont' de l' aŭroro:
— Ho ankoraŭ, ho ankoraŭ Junedzino ne
[preta!

La Junedzo sin zonas,
Mondo kantas kaj sonas:
Venas jun-amikaro,
Grakas roka aglaro:
— Kiam estos, kiam estos Junedzino ve-
[stita?

— Ĝis nun ombroj ne cedas,
Nokto forton posedas;
Dormas akvoj en maro,
Ĝis nun dormas homaro:
— Ho ankoraŭ, ho ankoraŭ Junedzino ne
[preta!

La Popoloj-Lazaroj
Songas ĉe la altaroj
Pri la tago radia,
Reviviĝo la sia:
— Kiam estos, kiam estos Junedzino ve-
[stita?

La Junedzo atendas,
Du riverojn li sendas:
Ili iras en landon
Kaj ripetas demandon:
— Kiam estos, kiam estos Junedzino ve-
[stita?

Diru, ondoj, resone:
Ŝi jam preta duone:
Jam sur frunto granita
Fajra krono plektita,
— Nur ne estas, nur ne estas festa robo
[finita.

La torentoj reŝuas,
Fermas pordojn, krakbruas,
Knaras pordoj el ŝtono,
Surde ĝemas resono:
— Ho ankoraŭ, ho ankoraŭ Junedzino ne
[preta!

Vent-orgeno jam bruas;
La Junedz' ennuas;
La Monaĥ', en talaro,
Ringojn tenas por paro:
— Kiam estos, kiam estos Junedzino ve-
[stita?

Tra ventegoj, silentoj
Balanciĝas la gentoj:
Pasas tempo senlima,
Muĝas tondr' malproksima:
— Kiam estos, kiam estos Junedzino ve-
[stita?

En abismoj, vekite,
La popoloj ekscite:
— Malfermadu! — laŭtkrias,
Tag' ekstere radias!
— Devas esti, devas esti Junedzino jam
[preta!

Junedzino nubiĝas,
Per vualo kovriĝas:
Ho, malbono ne cedas,
Ĝis nun forton posedas!
— Ho ankoraŭ, ho ankoraŭ Junedzino ne
[preta!

— Kiam tagon de l' juĝo
Korn anoncos kun muĝo,
Kiam kradoj diskrevos,
Fandoj lumon ricevos,
Kiam levos sin valo,
Pintoj krakos dum falo,
Juĝa tondro ekbruos,
Daon-monton detruos,
— Tiam estos, tiam estos Junedzino ve-
[stita!

Esperantigis *Antoni Grabowski.*

608 personoj. Ĉe tiu okazo oni devas akcenti, ke la restoraciisto sinjoro Wojcik, kiu entreprenis aranĝi la bufedon, perfekte plenumis sian taskon.

**La hieraŭaj konsiliĝoj kongresaj.** Je la 9. matene komenciĝis la kunsido de U. E. A. kun partopreno de pli ol 400 personoj. Prezidis Sinjoro Bolingbroke Mudie (Anglujo); ĉeestis la Majstro. Oni priparolis la aferojn de la asocio.

Samtempe je la 9. matene estis kunsidoj de la sekvantaj sekcioj: Germana Esp. As., katolikoj, liberpensuloj, teknikistoj, jurnalistoj, okultistoj, maristoj, teozofoj, farmaceŭtoj, la Ruĝa Kruco; je la 2½ posttagmeze komencis labori la sekcioj: kuracistoj, instruistoj, juristoj, bankoficistoj, poŝtoficistoj kaj komercistoj.

**La unua plena kunsido de la Kongreso** okazis en la salono de l' Malnova Teatro je la 3a posttagmeze. Prezidis Dro. St. Mikołajski (Lvovo) kaj la devojn de sekretario plenumis Sinj. Chavet (Parizo). Post tralego de la raporto de l' dimanĉa inaŭguracia kunsido, oni mallonge diskutis pri la projekto de la laborprogramo de „la Oka". La programon antaŭmetis la Konstanta Kongresa Komitato el Parizo. Post la referato de la delegito Bolingbroke Mudie (Anglujo) oni unuanime akceptis la projekton.

Laŭvice venis sur la tagordon la afero pri la pagoj de apartaj societoj al la Centra Oficejo en Pariza. Kiel oni scias, ĝis nun la societoj pagis nenion, kaj la Konstanta Kongresa Komitato estis subtenata de la oferemeco de generalo Sebert, la membro de l' Pariza Akademio. Dum la hieraŭa kunsido oni faris proponon, ke la Societoj pagu de ĉiu „rajtigita delegito" po 2 Sm. por la „Centra Oficejo". En pli longa diskuto voĉdonis la sekvantaj delegitoj: Bolingbroke Mudie (Anglujo), Sharpe (Francujo) Mikołajski (Polujo) Sergeant (Francujo), Schnendt (Germanujo), Christanof (Bulgarujo) Frenckell (Germanujo) Levy (Rumanujo) kaj prof. Bourlet (Francujo), kiu antaŭmetinte la preliminaron buĝeton por la Konst. Kongresa Komitato en la sekvanta jaro en la sumo 5000 Sm. kaj eldirinte dankon al la generalo Sebert (ne ĉeestanta la „okan") — deklaris, ke li estas por la impostpagado al la Konstanta Kongresa Komitato. Je tio finiĝis la diskutado kaj oni prokrastis ĝin ĝis la sekvanta Kunsido. Post kiam Sinj. Chavet tralegis la telegramojn kun gratuloj, senditajn hieraŭ al la Kongresa sekretariejo oni je la 6a vespere ĉesigis la laborojn.

**Sekcio okultista,** kiu kunvenis hieraŭ, prezidata de Sinj. Stas el Belgujo, okupiĝis pri la kvestio de la mediumo, parolanta en transo per tute nekonataj lingvoj: ĥina, japana, el la libroj Zenda Vesta kaj aliaj. La Sekcio troviĝas en Rynek (ĉefplaco), Nr. 43, etaĝo III.

**La Ekspozicion de Esperanto,** malfermitan de hieraŭa tago vizitis ĉirkaŭ 700 personoj. La ekspozicio estos vizitebla dum la tuta kongresa semajno de la 9. matene ĝis la 12. tagmeze kaj de la 3. posttagmeze ĝis vespero.

Unuvorte sukceso super ĉiun esprimon.

**Kunveno de studentoj, el ĉiuj universitatoj,** okazis post la koncerto en la kafejo de Michalik. Oni faris kelke da paroladoj tamen la definitiva konkludo au decido ne estis ankoraŭ proponita. Oni decidis ankoraŭ unu fojon kunveni.

**Kongresa poŝto kaj banko.** En la kongresa banko dimanĉe estis la monŝanĝado pli granda kaj vigla ol sabate. Ĝi-ritoje oni interŝanĝis plej multe da frankoj, poste dolaroj kaj funtoj sterlingaj. Ĉekoj kaj akreditivoj estis plejparte amerikaj, estis ankaŭ anglaj kaj leteroj el Francujo kaj Germanujo. Pro tre forta movado dum la dimanĉo oni fermis la kontoron nur ĉirkaŭ la 6a. posttagmeze. Hieraŭ estis la banka kontoro malfermita la tutan tagon — antaŭtagmeze oni ŝanĝis je aŭstria mono tre multe da rubloj.

**La poŝta movado** estis dimanĉe kaj lunde ekstreme vigla. Laŭ proksimumaj prikalkuloj tra la poŝta kesto de la kongreso oni ekspedis ĉirkaŭ 5000 leteroj kaj poŝtkartoj. La ĉambro por korespondado, aranĝita por la kongresanoj estas en momentoj liberaj de kongresaj laboroj konstante plenplena. En tiun ĉi ĉambron por dispono de la kongresanoj donis la komitato senpage leterpaperon kun konforma surskribo. Dum la dimanĉo kaj lundo oni uzis pli ol 1900 foliojn da tiu papero.

**Korespondo librego por la kongresanoj.** En Akceptejo, en la kongresa kancelario, oni elmetis por la partoprenantoj libregon, en kiun la kongresanoj skribas siajn rimarkojn. En tiun ĉi libregon la prezidanto de U. E. A. Bolingbroke Mudie skribis tre favoran kritikon koncerne la aranĝon de la kongreso. Li volas ĉie rimarkigi, ke tie ĉi en Krakovo ĉio estas bonege aranĝita kaj ke oni havas tie ĉi Akceptejon, kian li ankoraŭ ne vidis. Pli bone aranĝitan li eĉ ne povas esperi. »Ni kredu — li konkludas sian rimarkon — ke ankaŭ la estontaj kongresoj esperantistaj estos aranĝataj en simila maniero«.

## „Mazepa" esperante.

La prezento de »Mazepa«, okazos merkrede la 17-an en la urba teatro. La krakovaj artistoj, partoprenantaj en la prezento, estas jam alvenintaj Krakovon kaj komencis la provojn, kiuj estas farataj ĉiutage. En la apartaj roloj elpaŝos la sinjorinoj: Wysocka (Amelio) kaj Krysinska (Kastelestrino); kaj la sinjoroj: Sosnowski (vojevodo), Stanisławski (Mazepa), Maryański (Zbigniev), Jednowski (reĝo), Węgrzyn (Ĥmara), Bieganski (sendito), Kaj Nowakowski (Hjonstko).

La hieraŭa prezentprovo montris, ke la artistoj dum la libertempo jam tute ekregis siajn rolojn, same en memora kiel ankaŭ en lingva rilato. La generala provo estos direktata de Sinjoro Antoni Grabowski.

Dum la prezento estos dancita polonezo kun la partopreno de la opero el Lvovo.

**La prelego de Hovard.** La kreinto de ĝardenurboj Howard venis hieraŭ Krakovon el Letchwort kaj prelegos pri la anoncita temo merkrede la 14-an je la 5. posttagmeze en la teatra konstruaĵo en la arĥitektura ekspozicio. La prelego estos ilustrata per lumbildoj de ĝardenurboj fonditaj en Anglujo.

**Prelega rekordo.** La kaliforniano D. E. Parrish el Los Angelos ĉeestas ankaŭ »la okan«. Parrish forlasis Kalifornion en aprilo de 1911 j. kaj travojaĝis la mondon, prelegante pri sia lando sole per Esperanto. Ĝis nun Parrish estis en 25 landoj kaj havis entute 125 prelegojn. Kalifornion revenos Parrish en la venonta oktobro.

**Invito al veturoj.** Regimento de dragonoj Nr. 22 sendis al la sekretariejo skribaĵon, invitantan la partoprenantojn en la kongreso al veturoj de ĉevaloj, okazontaj laŭde la 15-an je la 5-a posttagmeze.

---

## Lingva Babel kaj Krakowa Wawel.

La legendo pri Babel montras la gravecon de la lingvo por la homa reciproka harmonio kaj ilia laboro. La puno per kiu Dio volis puni la ĉielon strebantaj homoj estis la intermikso de iliaj lingvoj. Kiam oni instruas infanojn tiun legendon, komprenable el lingvista vidpunkto tre naivan, oni ne vidas en ĝi grandan simbolecon. Oni ne eltedukas el ĝi la sekvojn: se diverslingveco estas laŭ tiu legendo tiela malbono, kiel granda bono prezentus unu lingvo, kiu estus konata de ĉiuj homoj? Ĝi estus kvazaŭ la simbolo ke venas de nove la momento, kiam la homoj fariĝas tiel potencaj, ke dioj timas ilin. Ili denove konstruas novajn Babelajn turojn, jam ne sur unu loko, sed ĉie sur la mondo, venkante la malfavoran influon de la naturo ne por forilugo el la suprej, kie oni ne povus vivi ostere sen la grundo, kaj serprodukto), se per turnado kaj eluzado de teraj fruktoj kaj influoj per homa profito.

Sed ne sur ĉiuj punktoj oni konstruas tiujn, turojn por atingi la sunon, klerecon kaj minaci al la potenco de diaj, kiuj kvankam efektive ne ekzistis en realeco, tamen ekzistis kiel la produktoj de la fantazio, kaj kiel tiaj ili influis samamaniere al la homoj kvazaŭ ili estus vivantaj. Nune ni klare vidas ke ilia potenco estis nur la homigitaj fortoj de naturo. Sekve dioj estis naturo, kies malamika influo pli malpligrandiĝis, jupli pligrandiĝis homa supremacio super la naturo. Naturo kaj homaro estis kvazaŭ du fortoj sin reciproke kontraŭbatalantaj; kelkfoje sukcesis la Naturo-Dio forrabi la jam akiri-

tan potencon de homaro, kiu denove fariĝis malforta, tamen post iu tempo, komencis la homaro denove batali kun la naturo, por denove atingi la supremacion oni denove komencis konstrui simbolan Babelon.

Nune la subjugo de naturo, t. e kulturo komencita sur ĉiuj punktoj de nia globo donis la naciajn kulturojn, naciajn Babelojn, kune harmonie celantaj al la sintezo en la familio de ĉiuj nacioj.

La naciaj kulturoj alcentriĝas sub nacia standardo, internacie, tuthoma kulturo fariĝanta komuna homa fundamento alcentriĝas sub verda standarto de esperanta Homaro, – esperanto en ambaŭ vortsencoj: lingva kaj simbola.

Oni almasonas lastajn brikojn, por atingi eternan lumon eĉ se unu el naciaj Baboloj ne estingas aliajn pli superajn, ili ricevas de ili la lumon forrabitan de aliaj el la ĉielo.

Unu el tiuj Baboloj, en naciaj kulturoj estas nia pola Babelo, kies koron vi trovas en la sanktejo de Krakovo kaj de la Polujo, nomata Wawel, kiu estas la sama vorto trovebla en diversaj landoj de hindo-europa elemento, kiu plej vigle celas al subjugo de la naturo. Tiun nomon vi trovas en Urropotanio kaj en Besarabio (Rusujo), kie apud maldekstra flanko de Danubo troviĝas lago Jalpuch, sur kies bordoj orientaj troviĝas urbeto Babol; Vi ĝin ankaŭ trovas en aliaj lokoj, ekz. apud Potsdam, kiel 78 m. altan monteton, en Rusujo kaj Finlando.

Estante en Krakovo, en urbo de korvoj grakantaj ĝoje supre de la kadavro de mortigita Wawela legenda Drako, formanĝanta lian loĝantaron, rememoru, ke ĝi fine estis mortigita, ke ekzistas ankoraŭ popolo batalanta por sia kultura memstareco malgraŭ malbonaĵoj, kiuj kontraŭstaras al ĝi survoje, rigardu nian sanktejon sur Wawel, rememoru nin, ke ni volas kune kun aliaj kulturoj, en kvieta harmonio, venkadi la naturon kaj eltiri el ĝiaj dioj la potencon, por ĝin mem uzi.

*Antoni Czubryński.*

## RICEVITAJ ELDONAJHOJ

Jus eliris Verko: „Esperanta-Pola kaj Esperanta Litova Bibliografio“ de ro Z. Adam. Ĝi en havas priskribon de esperantaj kaj pri-esperantaj Verkoj de polaj autoroj kaj de polaj tradukantoj. Ni Varme rekomendas tiun ĉi verkon ne nur al niaj polaj samideanoj, kiujn ĝi interesas speciale, sed ankaŭ al ĉiuj esperantistoj, kiel bonan modelon por samaj verkoj por aliaj nacia-esperantaj literaturoj. Aĉetebla en la Vendejo de la Akceptejo kaj ĉe Ŝtrejo Gebethner (Rynek).

## Postkongresa ekskurso.

### Al montamantoj.

Esperantistoj el Rožnov (Moravio) aranĝas dimanĉe la 18-an unutagan ekskurson en Beskidoju por samideanoj, kiuj volas ekkoni la plej belan montaron de Moravio. Tre oportuna por kongresanoj, kiuj veturos al Vieno aŭ Praha. Solé 5-hora piediraĉo. Elspezoj tre malgrandaj. Prezo de vojaĝo la sama kiel se oni veturas per rekta linio. Programo: Forveturo de Krakovo dimanĉe je la 0·52 h. m. alveturo al Frenštát je la 12·35 h.

Marŝado de Frenštát al „Pustevuê“ („Ermitejo“, belega somera libertempejo 1018 m super marnivelo, vilaoj en popola bohema stilo). Tagmanĝo en „Pustevne“ je la 3a horo. Unuhora montara promenado al monto Radhošt (1130 m alta, vastega ĉirkaŭrigardo: oni vidas duonon de Moravio kaj parton de Silezio kaj Hungario). Malsupreniro al Rožnov (klimata sanigejo). En Rožnov oni pasigos la nokton kaj matene je la 5·10 h. oni povas forveturi al Hulin (Hullein), kaj de tie al Vieno (alveturo je la 12·35 h. t. m.) aŭ al Praha (alveturo je la 2·48 h. t. m.). Pluajn detalajojn komunikas kaj aliĝojn akceptas Josef Friedrich, juristo el Rožnov, „Studenta Hejmo“, str. Radziwiłłowska.

## LOKA KRONIKO.

**Ke la Krakova Organiza Komitato** pri la alvenontaj Krakovon gesamideanoj verege zorgis, oni povas plej bone vidi el malsupre citita korespondaĵo de unu el plej konataj samideanoj, kiun li skribis en la korespondaĵa libro de la Akceptejo.

„Mi volas rimarkigi, ke tie ĉi estas la plej bone ordigita Akceptejo, kian ni ĝis nun havis.“

Pli bonan oni ne volus esperi. Ni do fidu, ke estontaj estos egale bonaj. *Bolinbroke Mudie*, prezidanto de U.E. A.

**Fotografaĵoj.** Gies atenton kaj admiron kaŭzis la fotografaĵoj kaj la poŝtkartoj, liveritaj por la Kongresanoj de oficialaj fotografistoj kongresaj. Pjeŝbalski kaj Gargul. Tiuj ĉi samideanoj, samtempe profesiaj fotografistoj, pretigis kun la demetitaj hieraŭ kliŝoj jam por hodiaŭ la fotografaĵojn. Malgraŭ mirinda rapideco la fotografaĵoj estas bonegaj kaj de ĉiuj kongresanoj volonte aĉetataj. Aroj fotografaĵoj en la formato 30—40 kostas kvin kronoj, la poŝtkartoj estas disvendataj po 30 heleroj. Ki estas riceveblaj en la vendejo de Komerca Akademio (II. et.). Hodiaŭ matene oni faris kliŝaĵojn de la esperantistaro ĉe monumento de Mickjeviĉ; la pretaj fotografaĵoj estos aĉeteblaj morgaŭ de mateno ankaŭ en la vendejo. Koncerne la kongresan albumon ni estas petataj pri informo, ke la albumo estas jam afero tute certa; ĉiu, kiu volas havi ĝin, bonvolu kiel eble plej baldaŭ mendi ĝin en la Akceptejo. Ĉe la ne mendontoj estas petataj doni por la albumo siajn fotografaĵojn. *Kr.*

**Sinjorino** kiu perdis sian valizon en la stacidomo, povas ĝin ricevi en la akceptejo de stacidomo.

**Oni serĉas samideanojn** kiuj post la kongreso vojaĝus Budapeŝton, Vienon kaj Prahan. Restigu viajn adresojn en Akceptejo por kongreskarto 196.

**Por la kongresanoj veturontaj al Praha!** En nomo de la „Bohema Landa Ligo por la akcelo de la turista movado en Bohemujo“ estas invitataj ĉiuj kongresanoj oficiale, ke ili vizitu ĉe sia revena veturo la ĉefurbon Praha, kie ili estos plej gastame akceptitaj de la Centra Asocio Bohema Unio Esperantista. Turniĝu al del. U. E. A. s-o Ed. Kühnl, red. de Časopis Čes. Esp. (En Kraków: Grand Hotel). Uzu por la vizito la esper. Gvidlibron tra Praha, kiu ricevis en Barcelono la I-an premion de U. E. A., postulu la II. eld. de la Gvidfolio tra Praha, eldonitan de la turista ligo kaj aĉetu la poŝtkartojn de Praha kun esperanta teksto (1 serio: 20 bildoj: 1 K) en la kancelario de Bohema Unio Esperanto en Praha II, Vodičkova ul. 38. — Kiu volas, ke la gejo estu por li en Praha antaŭmendita (por 3 K tage) skribu al Kongresano s-o Ed. Kühnl, kiu tuj respondos.

**Hodiaŭ marde** okazos post la reveno el Wieliczka kunsido de esperantistaj jurnalistoj en Jurnalista ĉambro de la Komerca Akademio. Kunsidon aranĝas la Redakcio de „Kongresa Bulteno“.

***Morgaŭ* t. e. merkredo je la 5 horo** posttagmeze okazos en la teatra salono de la „Arĥitektura Ekspozicio“ lumbilda parolado de Sro Ebenezer Howard el Letchworth pri „Gardenurboj“. Ĉiuj kongresanoj estas kore petataj ĉeesti la paroladon de tiu eminenta kaj glora samideano!

**Surakva festeno** aranĝata de la Krakova Societo de Sokoloj okazos morgaŭ, la 14-an kun tre interesanta programo. Kunmetos ĝin la muziko de Sokola orkestro, la revuo de la plej bonaj boatoj de la Sokola remista grupo, koro Sokola artaj fajrajoj, kolora lumigo de l'kastelo Wawel k. t. p.

## Esperantiaj Karavanoj

La Esperantiaj Karavanoj Paris-Kraków kaj Lyon-Kraków, konkataj de S-roj Gé- (Subdel. de V. E. A.) kaj Poncet (Kons. de U. E. A.) alveins dimanĉon frumatene en la Kongresurbon. Ili estis vizitintaj la tri belajn urbojn München, Salzburg kaj Wien. Ĉie ili estis kore akceptataj de la Distriktaj kaj Lokaj Delegitoj de U. E. A., kiuj ĉion plej bone arangiĝis. Ĉia malfacila entrepreno estis ebla nur dankal plena sindonemo de ĉiuj Esperantianoj. Apartan dankemon ŝuldas la partoprenintoj de la Karavanoj al S-roj Cressol, Mayerhauser, Pesleder, Sós kaj Glück.

Kredeble U. E. A. organizos alian Karavanon por la forveturo el Kraków. La interesatoj bonvolu legi la Kongresan Bultenon.

*L. Poncet,*
*Konsulo de U. E. A.*

## El Krakovaj legendoj.

**Wanda, ĉevaleto de Zvieĵyniec, Twardowskij.**

(Daŭrigo).

Krak havis filinon, Wanda. — Kiam oni volis ŝin devigi, ke ŝi edziniĝu kun germana kavaliro Rydygier minacinta per milita invado, ŝi preferis sin dronigi, kion ŝi efektivigis. — Ŝia persono estas sama mitologia kaj trovebla en rakontoj de aliaj popoloj. Oni trovas ŝin en grekaj rakontoj sub nomo „Bendis“, kies feston ĉeestis Sokrates en Pireo, kiel ĉion rakontas Plato. — Ŝi estas same renkontebla en nordaj rakontoj sub nomo de Vanadis.

Apud Krakovo troviĝas termontetoj, unu de Krak, la alia de Wanda, kiujn ŝutis homoj, portintaj la teron en manikoj. — Ĝis hodiaŭ oni festas „manikan feston“ en dua tago de Pasko.

Kun tiu mitologia persono oni volis kunigi kelkiaĵo alian idolanan feston, havantan verŝajne spartan devenon, nome „Florkronojn“ (Wianki). — La 21-an de junio la eklezio festas S-tan Johanon Bapenc. En tiu tempo okazas somera solsteno, kiam oni festis per fajrajoj, nomataj „Sobotki“ laŭvorte: sabataj lokoj. — Sur kamparoj oni bruligadis lignarojn, kiujn oni transsaltadis kaj ĉirkaŭdancadis. Tiu fajro havas sanktige purigan econ. Se iu estis sorĉita de iu sorĉisino, tiu devis trinki la akvon, en kiun oni ĵetis brulantajn ŝtipojn el tiu lignaro, por forpeli la malbonan influon de la sorĉoj. Riverojn oni purigis per ĵetado de kronetoj fiksitaj sur breto, en kies mezo brulis kandelo. Poste oni lavis sin en tiu akvo, kio purigis ne nur la korpon sed ankaŭ la spiriton.

Pro tio oni ankaŭ nomis tiun feston „Kupala“ de la malnova slava vorto, ekzistanta ankoraŭ en bohema kaj rutena lingvoj „kupal“ bani.

Dum tiu festo polaj junulinoj ĵetadis de ambaŭ bordoj kronetojn sur Vistulon kaj kies kroneto ne dronis, tiu el ili povis esperi ricevi edzon en tiu jaro.

Oni ludis kaj kantis dum tiu nokto, plena de esperoj kaj feliĉo.

La katolika eklezio volis tiun idolanan

festoň eksterma kaj multioje la episkopoj kaj pastroj ĝin malpermesis; sed tiu popolo restis sen efiko kaj la bela, poezi-plena festo vivas ĝis hodiaŭ, kvankam jam tangita kaj lukse aranĝita kun artefaritaj fajrajoj, dancoj sur remŝipoj k. t. p. — En unu tago de jaro, fine de junio, kiam la vetero estas serena, amasiĝas sur ambaŭ bordoj de Vistulo la tuta loĝantaro de Krakovo kaj atendas la vesperiĝon. Kiam sur ĉielo brilas jam steloj kaj la luno arĝentigas ondojn, tiam je donita signalo komenciĝas la festo, daŭranta kelkajn horojn kaj finiĝanta per iluminado de kastelo de mita Krak.

La 28. VI. okazas en Krakovo katolika procesio. Post ĝia finiĝo loĝantaro rapidas al alia idolana festo, tiel nomata „ĉevaleto de Zvjejynjec" (Konik Zwierzyniecki).

Ĉirkaŭ la jaro 1281 dum regado de Leŝek la Nigra okazis tria invado de Tataroj, alvenintaj ĝis Krakovo kaj detruintaj ĉion survoje laŭ sia bone al ni konata kutimo. En danĝera momento, kiam la savo de la urbo ŝajnis preskaŭ neebla, unu ŝosisto kolektis siajn kamaradojn, kuraĝigis ilin al batalo kun la barbaroj kaj en triumfo revenis en la urbon kiel venkinto, ĝoje salutata de la savita loĝantaro.

De tiu tempo oni festas tiun iluzian invadon. Homo tatare vestita kun longa barbo, sur ligna ĉevaleto ornamita per duonlunoj invadas Krakovon el la kartalo Zvjejynjec, nune jam apartenanta al la urbo. — Li estas ĉirkaŭita de tatare vestitaj muzikantoj kun duonlunoj sur soldataj ĉapeloj kaj de halebardistoj portantaj standardojn kun ĉevalvostoj. Per bastono li batas la ĉirkaŭantajn gekunabojn kaj alveninte al la episkopa palaco, li salutas la episkopon per la klinigo de standardoj kaj ricevinte monon li revenas al la regalo kun kamaradoj.

Malgraŭ ke oni fiksas la daton je la jaro 1281, tamen tiu festo devenas plej verŝajne el idolanaj tempoj. Mirinda estas tiu detalo, ke en ĝi ludas plej gravan rolon la ĉevalo el la rajdanto, kies nomo malaperis. Li invadas la urbon, same kiel trojana ĉevalo kun Aĥivoj en sia ventro invadis Trojon. Tiu detalo estas pure mitologia, ĉar strategie ĝi estas tre naiva kaj neebla. Krakovon defendas ŝosistoj, kies vivo fortiĝas sur rivero. Same ĉe Grekoj la ĉevalo estas dediĉita al Dio Posejdono, malamika al Trojanoj.

La ovacio al episkopo povas esti tango de ovacio, kiu iam estis farata al antikva idolana ĉefpastro. Poste oni unuigis tiun miton kun tatara invado, kiu estis tre kruela kaj tute dezertigis la landon.

Oni rakontas ankaŭ pri kaverno apud Krakovo, en kiu vivis laŭ legendo majstro Twardowski, alĥemiisto kaj sorĉisto, kiu eble estas ankaŭ ne historia persono. — Li forvendis sian animon al diablo por la servoj, kiun tiu ĉi lasta devis al li fari, plenumante ĉiun lian deziron, kondiĉe ke li post forpaso de difinita tempo alvenos al Romo, kie Mefisto prenos lian animon. Sed kiam la limtempo pasis kaj Twardowski ne pensis pri la vojaĝo al Romo, li troviĝis hazarde en unu gastejo, ne sciante, ke ĝi estas nomata „Romo". Kiam aperis tie la diablo, postulante plenumon de la kontrakto, Twardowski, por sin defendi prenis el lulilo suĉinfanon, filon de l'gemastroj, por danki al ĝia senkulpeco malebligi al la diablo alproksimiĝon al si.

Tiam la diablo rememorigis al li lian nobelan honoran vorton per kiu li garantiis al li plenumon de la kontrakto, skribita per propra sango sur bova ledo. La hontigita Twardowski remetis la infanon en la lulilon kaj la diablo, preninte lin, volis kun li forflugi al la luno. Dume Twardowski komencis preĝi litanion al S-ta Virgulino, pro kio la diablo lin forlasis kaj Twardowski ekpendis inter la tero kaj la luno. Laŭ popola kredo tiu stato daŭras ĝis la hodiaŭa tago. — Alia legendo rakontas, ke Twardowski troviĝas sur la luno.

*Antoni Czubryński.*

# Telegramoj el la Mondo.

## El Bohemujo.

**Plialtigo de prezoj por karbo** (Praha). La grandaj karbo-entreprenistoj anoncis la plialtigon de prezoj por karbo de 14—16 heleroj por 100 kl. La prezo de germana karbo devas esti plialtigita ĝis 40%.

**Kunveno de socialistoj** (Liberzeo). En „kolosseum" okazis hieraŭ la kunveno de socialistoj, dum kiu parolis deputato al la germana regna parlamento D-ro Liebknecht. Kiam la parolanto priparoladis la aŭstrajn aferojn, la polickomisario interrompis lian paroladon.

## El Germanujo.

**Liberigo de kapitano Kostiewicz.** (Lejpcigo.) Kapitano Kostiewicz estis hieraŭ posttagmeze liberigita je kaŭcio kaj li forveturis al Berlino.

**Post la mineja katastrofo.** (Bochum). Hodiaŭ okazas la entombigo de oferoj de mineja katastrofo en minejo „Lothringen". La ĉerkojn oni enmetas en du komunajn tombejojn. La imperiestron Wilhelmon II anstataŭas dum entombigo la prusa princo Henriko.

Inter 130 oferoj de katastrofo la plimulto konsistas el Poloj!

La mondonacoj por familioj de mortigintoj atingas jam la sumon de 85.000 markoj.

**Fervoja katastrofo** (Bohum). Hieraŭ vespere la vagono de urba fervojo elreliĝis kaj disrompiĝis. 3 personoj mortis, 7 grave, 16 malgrave estas vunditaj. La vagonaro estis troplenigita de revenantaj partoprenantoj en la entombigo de oferoj de katastrofo en Gerthe.

## El Hungarujo.

**Rekrutigo en Hungarujo.** Hieraŭ komenciĝis la rekrutigo. Por la unua tago oni invitis nur 50 junulojn. Unu el ili subite freneziĝis.

## El Anglujo.

**Projektita atenco.** (Londono). Oni sciiĝas el Peterburgo, ke princo Kastura forveturis neatendite pro tiu kaŭzo, ke oni malkaŝis la planon de atenco je li. Ĉi-tiu atenco devis esti la venĝo pro la mortkondamno de japanaj socialistoj.

## El Ameriko.

**Sep mortpunoj.** (Nov-Jorko.) En ŝtatea malliberejo oni mortpunis ses Italojn kaj unu negron kondamnita je mortpuno pro mortigoj.

## El Rumanujo.

**Forbrulo de petrola minejo.** (Bukareŝto) En Mareno fariĝis hieraŭ en petrola minejo granda brulo. Dum la helpdonado pereis 5 laboristoj.

---

Socialistoj! Jaŭde je 9-a mat. socialista kunveno ĉe Park Krakovski. Alvenu ĉiuj!

---

## Lastaj sciigoj.

**Kongresa ekskurso al salminejoj** en Vjeliĉka okazis hodiaŭ je 12.40 tagm. per speciale vagonaro ornamita per verdaj standardoj. En la stacidomo en Vjeliĉka akceptis la ekskurson tre multnombraj ĉiuj loĝantoj. Paroladis urbestro Aywais. Salmineja orkestro ludis »La Esperon«. Impreso grandioza.

---

Krakova Tramo.






El la presejo kaj stereotipejo de la fratoj E. kaj Dro K. Koziański, Kraków. Respondeca redaktisto: Maryan Dąbrowski.



# KONGRESA BULTENO

aldono al »ILUSTROWANY KURYER CODZIENNY« al n. 185.

Redakcio, Administracio kaj Ekspedicio
Kraków, str. Karmelicka, 1. 16.
Telefono 1128.
Ĉefredaktoro kaj eldonisto *Maryan Dąbrowski.*

Prezo de Nro:
10 helerj.

La „Kongresa Bulteno" eliras ĉiutage dum la kongresaj tagoj je la 6-a horo vespere.

La redaktanta Komitato:
*L. Kronenberg, E. Pfeffer, A. Czubryński*

Nr. 4. KRAKOVO, JHAUDE LA 15 DE AUGUSTO 1912. Nr. 4.



Supre ni reproduktas la portreton de la multe meritata prezidanto de la Loka organiza komitato, universitata profesoro D-ro Odo Bujwid. Tiu ĉi fama bakteriologo, al kiu la scienco dankas jam kelkajn gravajn majstroverkojn, varmege ekklopodis pri nia afero kaj estante mem fervora Esperantisto li multe helpis, por ke la Jubilea kongreso estu kronita per brila sukceso.

## Parolado de **Leo Belmont** dum la Jubilea Festvespero.

Frenezuloj! — kial tia ofendo?

Ĝi ne estas ofendo!

Ĝi estas karakterizo, eltirita el studado de la gazetaro

Samideanoj! ĉu Vi ne legis milfoje en viaj landaj gazetoj, ke lingvo artefarita estas neebleco — ke nia majstro trompis nin — ke en Esperanto oni ne povas senti kaj pensi — ke ni ne havas en nia lingvo sufiĉe da vortoj — ke ni ne parolas, sed versajne... bojas, kiel hundoj, aŭ miaŭas, kiel katoj!

„Esperanto!" — la spritaloj tutmondaj sur lito de l' morto ankoraŭ ridas, aŭdinte tiun-ĉi ridan nomon: „Esperanto!"

Mi do fine kredis al tiuj saĝuloj — al ĵurnalistoj, kiuj scias ĉion pri Esperanto, okupiĝinte je ĝi nur unu minuton.

Mi scias nun: lingvo artefarita estas revo nefarebla: kaj mi mem frenezulo estas, dum mi parolas esperante, ĉar neniu povas min kompreni.

Kiam iu parolas kun mi esperante, li ne parolas — ĝi estas nia orela halucinacio!

Ve! dangera frenezeco bruligis mian cerbon... mi havas halucinaciojn de vidado kaj de aŭdado.

La oka kongreso! ĝi estas nur nia ŝajno. Ne flirtas tute la verdaj standardoj en bela Krakovo!

Ne flirtas ĉarmaj esperantistinoj. Nia himno estas preparita en laboratorio de D-ro Bujwid. Tridek nacioj ne aplaŭdis al nia kara majstro. Ĉio estis nur ŝajno. Mi nur revas malsaĝan revon.

Kaj vi ĉiuj revas kun mi — ni ne estas tute en Olro. Ni sidas vermitaj en domo de frenezuloj. Nia malsano nomiĝas: „Lingvo Esperanto". Kaj niajn korojn mordas malbela [illegible], kiu [illegible] de popoloj!"

Nu!... per Dio! estu do tiel!

Mi estas feliĉa, ke mi freneziĝis... kaj feliĉa mi estas, ke mi havas tiom da noblaj kameradoj en nia frenezeco.

Ni estas frenezaj kaj ni havas rajton ridi... je niaj saĝaj kuracistoj anti-esperantaj!

* * *

Ne!... ĝi ne estas vero...

Nia ŝajna frenezeco estas nobleega malsano de ĉiuj idealistoj, kiuj kreas novan Vivon por la mondo kaj devas esti ankaŭ krucigitaj sur kruco de mokado — por ke la mondo praktika havu poste el nia oferanta sango fortikantan vinon kaj el nia entuziasma cerbo ĉiutagan panon...

Kaj nia majstro — sola homo en mondo, kiu hodiaŭ havas varmege amantojn inter ĉiuj popoloj de tero — estas homo verege genia!

Napoleon' ja diris:

„genio estas nur la scipovo fari diferencon inter ebla kaj neebla".

Kaj nia majstro tion ĉi sciis bone.

Antaŭ multaj jaroj, kiam li, ankoraŭ juna studento, revis pri la lingvo tutmonda — venadis spiritoj de jarcentoj kaj diradis al li:

„Gesu! La enigmo estas nesolvebla!"

Sed li ne kredis al ili.

Kaj venadis al li veraj frenezuloj, parolante:

„Ne turmentu vin por solvi enigmon nesolveblan. Rigardu tiujn, kiuj provis samon kaj mortis en sanulejoj de frenezaj. Gesu. Via vojo estas vojo de malespero!"

Sed li respondis:

— Mi tamen estas Esperanto!

Kaj multfoje post tagoj oferaj kaj laboraj en noktoj ŝajnis al li, ke ŝtonoj de neniam finita turo Babelo kolere volas fali sur lian kapon kaj treti lin, Kuraĝulon kontraŭdian.

Sed li ne timis!

Kaj faris — sian verkon!

* * *

Mokemuloj diras:

— Li kreis jargonon, strangan miksaĵon. Per sia kaprizo enlasis unuojn vortojn kaj forpelis aliajn! Ĉin povis fari samon, sed ne volis.

Jes! nur sole volis — li, ĉar li havis en si fajreron Dian de la volo — genialan fulmon, kiu lumigas nokton de vivo.

Kaj li ordonis inter lingvoj popolaj ne hazarde sed saĝe kaj juste...

Auskultu!

Jen kiam la majstro konstruis
Per granda labora ofer'
La domon de lingvo tutmonda
Por ĉiuj popoloj de ter' —
La multaj [illegible] venadis,
Alportis oferojn en man'
Kaj diris: vi devas ĝin preni,
Por ke plenumiĝu la plan'.
Alvenis jen ĉarma Francino,
Pri kiu ne scias poet' —
Ho! kie komencas sin buŝo
Kaj kie finiĝas ridet'.
Ŝi estis do kvazaŭ spritfonto
Kaj kvazaŭ Musseta poem'...
Okuloj koketaj rigardis
Kaj majstro ruĝiĝis ja mem'„
Ŝi diris: Enlasu min majstro'.
Por mi estas ĉi tiu dom' —
Mi estas amata filino
De urbo plej sankta de Rom'...
Mi havas do rajtojn heredajn
Per mia antikva la av'...
Duonon de mondo ĝi reĝis
Per leĝo kaj ankaŭ per glav'...
Duonon de mondo hodiaŭ
Ekreĝas la mia ridet' —
Kaj franca spirito nun estas
De monda libero profet'...
La Majstro ĉapelon deprenis
Kaj diris: Aminda Francin'
Mi amas ja forton de ĉarmo,
Neniam forgesus mi vin!»

Li donis ordonon — rigardu!
De nun ĝis eterna la temp
En lando de la Esperanto
Ekreĝas la franca printemp'"...

Bedaŭrinde — mi ne havas tempon por al vi rakonti, kiel jusla Majsto prenis de Italoj finiĝon: o — por doni al „Esperanto" italan belkanton — kaj de Hispanoj li prenis finiĝon as — pro tio ni amas kun temperamento Hispana en Esperantojo — kaj de Germano prenis „Ŝajnon", ĉar germana filosofo Kant' geniale pruvis, ke mondo estas nur ŝajno...

Mi ne havas tempon por rakonti, kiel forte batalanta pro rajtoj Anglino ordonis

al li, por ke angla Ŝiporeĝo en Esperantujo — kaj majstro estis al li obeema.

Mi ne rakontos al vi, kiel saĝe prenis Majstro simplan sintakson de slavaj popoloj... Al mi mankas la tempo — ĉar koncerto estas granda...

Sur pola tero mi ne povas silenti nur pri unu — kaj mi rajtigita estas aldoni nur unu, kio koncernas Polinon.

Kajfine alvenis Poline
Kun larmoj en blua okul'
Kaj diris: ĉu Vi min forgesis?
Pro kio respondu, saĝul'.
Servado al landoj potencaj
Ne estas ordono al Vi...
Polujo ne estas perdita
Dum vivas ankoraŭ ja ni!...
Kaj majstro respondis: Polino
Neniam forgesus mi Vin...
Mi estas ja filo de tero
De kiu Vi estas filin'.
Aŭskultu! plej granda en mondo
Mistera de l' viv' logaritm'
Ho! estas batado de l' koro
La ŝanĝa akcento — la ritm'.
Sur la antaŭlasta silabo
La pola stariĝas akcent'
Ĝi estu do en Esperanto!...
En ritmo vivadas la sent'...
Kaj reĝas akcent' poezion,
Ritm' estas la ĝoj' kaj dolor'...
Pro tio en Lingv' Esperanto
Batados... la pola kor'!
Kaj dum Esperanto travivos —
En ĝia belsonharmoni'
Travivos la pola akcento
La ritmo de Pol-poezi'!...

Tiel volis li, nia majstro!...

Pardonu — —

Nia majstro malpermesis al ni de nun nomigi Lin: majstro.

Li faras nin de „oka“ liberaj homoj. Li permesas al ni de nun diri:

„Zamenhof, diras frenezaĵon“...

Bonege!

Nun mi, kiel homo libera, parolas al Vi: „Zamenhof diras frenezaĵon, kiam li volas malpermesi al mi nomi lin „Majstro!“

Mi ĝin argumentos.

Unue: mi estis ĉiam homo libera — tamen ĉiam nomis mi lin laŭvole: majstro.

Due: mi estas unu de unuaj Esperantistoj. Mi, kiel infano se mamo esperante, balbutis: Majstro! Kaj nun, kiam mi griziĝis en Esperantujo oni konsilas al mi dejeti malbelan kutimon. Ne! mi denove infaniĝis post dudek kvin jaroj — kaj en tagoj de maljuneco mi ne povas deteni min kaj paroli alie, ekzemple: „Malmajstro“.

Kaj mia obstino estas rajtigita.

Tamen majstro ĉiam restas majstro. Michel Anĝelo restis por ĉiuj jarcentoj — la majstro kaj tamen skulptarto iris kaj iras antaŭen.

Dio, kiu per sia vorto kreis mondaron, neniam ricevos dimision — neniam estos: eks-Dio!

Kaj la majstro, kiu per sia geniala volo kreis mondon Esperantan — restos por ĉiuj posteuloj, kiel li estas hodiaŭ por ni: Majstro!

Tiakaŭze mi kantas himnon en koro — por nia majstro!

Mia himno sonas:

* * *

## En oka kongreso.

Por majstro nia,
Por hom' genia,
Por bonfaristo de l' homar',
Por lia verko, Esperant',
Nun sonas ĉie ama kant',
Konstruas sin l' ŝatim'-altar'!...

Por hom' modesta
Ĉi tago festa
Kronetojn lektas el florar'....
En ravo kriu tuta rond',
Esperantista a rond':
Vivu amiko de l' homar'!...

Dissendis senjn tra aer'
Cambridge, Ĝenev', Boulogne sur Mer,
Dresdeno, Barcelon',
Antverpo, Washington' —
Kaj kreskas nu en ĉiu land'
La laŭra arbhor Esperant',—
Por majstro estas kron'!

Por majsto ni
Por hom' genia,
Eksonas je kaj mia rim'...
Kaj flugas eldankema kor'
Tra esperanta mondo tor
La kant' de l' amo kaj estim'!

Modesta estas la kronet',
Sed ĝin aldonis granda kred'
Por senmorta glor'altar',
Por majstro ta,
Por hom' genia,
Por bonfaranto de l' homar';

* * *

El pola ovo lingvo iris,
Pro tio ĉiam ni deziris,
Ke ĝi festem ĉe la ov',
Efektiviĝis bela rev':
Kaj plenumiĝis nobla dev':
Festenas nun ni en Krakov'.

Poetoj polaj bonon volis
Profete ĉiam priparolis,
Ke amo estas Dia blov'...
Kaj por popoloj granda cel'...
Respondas eĥo el Vavel';
Vivu le Majstro, Zamenhof

*Leo Belmont.*

## AL POLAJ GESAMIDEANOJ!

Malrapide sed konstante kreskas nia kono afero — [illegible] multaj malhelpoj, fingis antaŭaj mokoj, Esperanto komencis ĉe ni esti serioze pritraktata kaj serioze akceptata. Alvenis la tempo de l' persista ĉiutaga laboro. Propagandu, propagandu, ankoraŭ unufoje propagandu! Propagandu ĉiam kaj ĉie, propagandu ĝis la venka horo, ĝis nia tuta, dudekmiliona nacio, komprenos ĝuste la valoron de Esperanto por si kaj por la mondo ĝis nia nacio opinios Esperanton sia propra afero.

De kelka tempo aperas pollingve, „Biblioteko por propagando de Esperanto en Polujo“. Ĝis nun ĝi eldonis 5 broŝurojn, kiuj ni estas pro tio fieraj kaj esperoplenaj — bonege helpis la propagandon en nia tendo.

Polaj Samideanoj! Al Vi ni turnas nin kun la peto, al Vi, pacaj kunbatalantoj kaj kunlaborantoj, ke Vi helpu nin en nia malfacila laboro. Helpu ĝin, helpu Vian, Vian propagandan bibliotekon — morale — rekomendante ĝin al la ankoraŭ skeptikuloj — materiale — aĉetante kaj aĉetigante la ĝis nun aperintajn verketojn.

Obstine antaŭen por nia kara lingvo!

*A. Czubryński, L. Kronenberg, E. Pfeffer.*
redakcio de „Biblioteko por propagando de l' Esperanto en Polujo.

## Esperanto kaj la armeo.

**Generalo de Lacroiy.** Mi observas kun intereso la progresadon de via afero. La utileco el Esperanto estas nedubebla, miaj varmegaj bondeziroj akompanas la disvolviĝon de tiu grava helpa rimedo.

**Generalo Garnier de Garete:** Mi ricevis viajn broŝurojn pri Esperanto kaj mi transendas al ĉiuj laborantoj pri la afero de komuna kompreniĝando de la popoloj miajn korajn salutojn, ke ili povu rebonigi la difektojn, kiujn kaŭzis la Babeltura konfuzo, donante al la tuta mondo la ebleco de reciproka interkompreniĝo. Vi meritas esti subtenataj kaj mi deziras al Vi, ke en ĉiu lernejo en la mondo oni instruadu pri Esperanto, ĉar al la junularo apartenas la estonteco kaj jam al nia juna generacio devos servi la ilo por internacia kompreniĝado.

**Kolonelo d' Arman de Passy** la franca *attaché* de Generala Stabo de l' Armeo ĉe la Ministerio de Milito. Mi konsideras Esperanton pro ĝia ekstrema simpleco kaj gramatika facileco, kiel lingvon universalan *par excellence.* Mi instigas miajn tri filojn, ke ili lernu tiun lingvon, ĉar mi estas konvinkita, ke la ekposedo de la lingvo Esperanto povas doni netakseblajn servojn en ĉiuj kampoj de la homa scio kaj laboro.

**Kolonelo Grenot**, la komandanto de 104 bataliono de l' infanterio en Parizo. Se mi prokrastis la respondon, do nur tial, ĉar mi volis mem sperti la malhelpojn, kiuj al mi kaŭzas la lernado de Esperanto.

Mi provis kaj mi devas konfesi, ke mi facile konstruadis per helpo de la gramatiko kaj la vortaro la plej ordinarajn frazojn por la ĉiutaga vivo kaj mi venis al la konkludo, ke Esperanton oni povas ellerni multe pli rapide, ol ĉiun alian lingvon vivantan aŭ malvivan. Estas necese, ke la ŝtatoj, kunvokinte kongreson akceptu tiun lingvon kaj metu ĝin en la programojn de siaj lernejoj.

**La komandanto Pénelon**, *attaché* de la Militista Kabineto ĉe la Prezidanto de La Respubliko. Mi havas ĉiam saman opinion, kiel mia kolego, ke la junaj homoj povas ĉiam kun granda profito studi Esperanton.

## Tria tago de la Kongreso.

Krakovo, la 14. de Aŭgusto.

La kontoroj de la Kongreso estis hieraŭ fermitaj ĝis la 12. tagmeze; poste pro la ekskurso de la kongresanoj al Wieliczka (Wieliczka) oni fermis ilin ĝis la 6½ vespere.

La movado en la kontoroj estis sufiĉe vigla — en la sekretariejo oni eldonis ankoraŭ 37 novajn kongreskartojn.

La kongresa banko havis antaŭtagmeze en la spezado preskaŭ ekskluzive akreditivojn kaj ĉekojn, plejparte el anglaj bankoj, ankaŭ el italaj kaj hispanaj. En la poŝtan kontoron de la 9 ĝis la 12 tagmeze oni donis 1042 leterojn kaj poŝtkartojn.

La kongresaj poŝtkartoj kun la krakovaj vidaĵoj, eldonitaj de la Komitato kun polaj kaj esperantaj surskriboj, estas tre volonte aĉetataj de la Kongresanoj. Da tiaj kartoj oni disvendis de sabato cirkaŭ 27.000.

Hodiaŭ la kongresaj kontoroj estis malfermitaj la tutan tagon, la ekspozicio de lingvo internacia de la 9. ĝis 12 tagmeze kaj de la 3. ĝis 6. vespere.

**La ekskurso al Zakopane** la 18. de l' kuranta monato je la 7. matene. Sinjoro Andreo Chramiec kaj lia edzino dissendis al la kongresanoj invitojn al raŭto, kiun ili eldonas por la honoro de la kongreso dimanĉe la 18. je la 8. vespere.

**Studenta sekcio** interkonsiliĝis hieraŭ je la 10. matene ĉe la partopreno de 27 studentoj el diversaj universitatoj de Anglujo, Francujo, Ruslando, Serbujo, Germanujo k. t. p. La diskuton inaŭguris S-o Joza Mares en la nomo de Universala Studenta Asocio, post kio oni elektis kiel prezidanton Sinjoron Władysław Gierczszkiewicz (Lvovo), kiel vicprezidanton S-on Mares, kiel sekretarion S-on. Chrestanof (Bulgarujo). Sekvis referatoj de Jan Medzkiewicz (Grac) sub la titolo: La praktikaj bezonoj de generala studenta organizaĵo“ kaj de Loth (Lozanna) sub titolo:

Pri Universala studenta organizo" Daŭrigo de laboroj jaŭde, la 15. je la 2. posttagmeze.

**Varia prezento en la Arhitektura Ekspozicio** Fine de l'hieraŭa tago okazis kommunmanĝo de la kongresanoj en la teatro de l'Arhitektura Ekspozicio. Dume oni aranĝis varietean prezenton.

**Kio okazas hodiaŭ?** Je la 9. matene komencoj plena kunsido de U. E. A.; samtempe posttagmeze laboris la sekcioj de bankoistoj, vegetaranoj, verkistoj, publikoficistoj, socialistoj, pacifistoj kaj la Ruĝa Kruco.

Je la 2 komencos labori la sekcioj: kuracistoj,scienculoj, komercistoj, postoficistoj, juristoj kaj jurnalistoj. Je la 3½, en la ĉambro de Malnova Teatro dua plena kunsido de la kongreso. Vespere je la 8. okazo en la Urba teatro la prezento de „Mazepa"; por tiu ĉi prezento la Vienaj kaj francaj jurnaloj delegis jam siajn raportantojn „L'Illustration" turnis sin al la komitato por la peto liveri al ĝi fotografaĵojn de la prezentado.

# Saluto al Kraków.

La verkinto de suba versaĵo, naskita en Krakow, sed loĝanta konstante en Antverpeno, petis nin pri ĝia enpresigo in en la „Kongresa Bulteno." Ni faras tion kun vera plezuro, rimarkigante la legantojn pri ĝia simpleco.

Kraków, ĉarma, pola loko elektata,
Por nia hodiaŭa, frata festeno,
O! tresge mi dankas vin, kortuŝata,
Por via belega solena bonveno.

En plena, nobla, potenca majesteco
Sin eklevas, la fiera Vavelo
Atestanto! de iama Pola grandeco
Kun siaj turoj, kaj belega Kastelo.

La kripto de la Sankta Gefpreĝejo
Kie, pace dormas Kazimierz la granda
Flanke la viscultino, en kies ondejo
Dronis glorinde, la heroino Vanda.

Ne forgesu, la legendon de la drako
Kiun Krakus la brava heroo mortigas
Kaj rigardadu, la monteton Kosciuszko
Kies kuraĝecon ĝi rememorigas.

En la Universitato iama, Jagiella
Instruis la granda, saĝa astronomo
Ke ter turniĝas ĉirkaŭ la sun' bela
Mikolaj Kopernikus estas lia nomo

La oka internacia kongreso
En niaj historiaj muroj okazas
Certe, vere granda estas la sukceso
Senfinan ĝojon ĝi al ni kaŭzas

El la libera, malproksima Belgujo
Plej varmegajn salutojn, mi al vi portas
Kvankam nia dua amata patrujo
Mi, mian karan Polan ankoraŭ pli ŝatas

Kun fiereco, en nia Pola urbo,
Plantas ni ĝoje Esperantan standardon
Kaj radikos firme „potenciala arbo
Ĝiam portos triumfe ĝi, freŝan verdon.

Unu celo kara, pola frato nia
Nedisigebla nin, unigas kune
La logika, bela lingvo, internacia
Netuŝebla rokfirme, staras ĝi nune.

Maks. Horowitz.



# LOKA KRONIKO.

**La parolo de nia Majstro,** farita dum la Oka kaj multaj interesaj artikoloj pri krakovaj vidindaĵoj salminejoj Wieliczka k. c. jam aperis en lasta N de Pola Esperantisto. Ĝi kaj la pola-esperanta ŝlosilo (eldono de Günther) estas senpage riceveblaj en Akceptejo.

**Ruĝa standardo,** eldonita private de unu samideano, estis en akceptejo disdonita inter kongresanoj sen permeso de la eldoninto. Malgranda nombro da savitaj ekzempleroj estos morgaŭ vendata dum la popola socialista kunveno po 20 hel. ekzemplero.

**Ĉiujn personojn,** dezirantajn de mi informojn pri la aju afero mi petas viziti jurnalistan ĉambron sur la 1-a etaĝo de Komerca Akademio dekstren, jaŭde je 3a h. postt.

*L. Kronenberg.*

**Servado de T. E. K. A. dum la kongreso.** Unu el niaj Samideanoj, studento S-ro Klotz el Lodz, veninte kongreson malsaniĝis. Tuj estis sciigita pri tio nia konata samideano D-ro Robin kiu kune kun D-ro ....... tuj konsentis helpi al malsaniĝinto. Esperantista kuracado estis tiel bona, ke jam hieraŭ nia samideno tute saniĝis. Li tre dankas suprenomitajn samideanojn pro ilia helpo.

**III.a Kongreso de U. E. A.** La publika malferma kunsido de nia vigla Asocio okazis lundon matene je la 10-a en ĉambrego de la Malnova Teatro antaŭ pluraj centoj da plej fervoraj Esperantianoj.

S-ro H. B. Mudie, tiel simpatia laboremulo prezidis. En klara parolado, kelkatoje per spritaj frazoj li diris la jam efektiviĝitan seriozan laboron kaj montris la taskon por la estonto. U. E. A. prudente iras rektan vojon inter marĉoj, sed ĝi ne falos en ilian koton. La kara prezidanto havis grandan sukceson.

Poste S-ro Hodler, neniam laca ĉiam agema, faris ankaŭ paroladon altspiritan. Kvankam tre idealista, la Direktoro de la Centra Oficejo de U. E. A. estas praktikema antaŭ ĉio. Laŭ li, kaj prave, Esperantistoj devus sekvi sciencan metodon kaj laŭ faktaj eksperimentoj determi teoriojn, sed neniam ni devus, kiel ofte okazis, peni realigi nematurajn ideojn.

Ĉiuj ĝojos, se ili havos plezuron legi tiujn ambau paroladojn en la jurnalo Esperanto. Laciĝita S-ro Hodler ne povis mem legi sian raporton pri morala stato de Esperanto. Ĝin legis S-roj Mudie kaj Fleck Ni rimarku, ke ĝi senpartie montris ne nur la gajnojn sed ankaŭ la tre malgravajn perdojn en la nombro de diversaj Esperantianoj.

Sekvo okazis amika interŝanĝo de ideoj inter la ĉeestantoj.

Proksima kunveno okazos merkredon matene je la 9-a horo ĉe la Komerca Akademio en ĉambro speciale rezervita por UEA. Oni bonvolu antaŭe aĉeti la Kongreskarton de UEA.

**Fakaj Kunsidoj.** Por ke la protokoloj de la fakaj Kunsidoj estu enpresataj en la Oficiala protokolaro de la Kongreso, oni devas ilin sendi al S-ro Gabriel Chavet, sekretario de la Kongreso (Paris, 51 rue de Clichy), aŭ ilin doni al li en Krakovo.

**2-a Kunveno de geinstruistoj** okazos vendredon je la dua kaj duono Tagordo 1-e Protokolo de la 1-a kunveno.

2-e Klarigoj pri internacia asocio de instruistoj kaj pedagogia revuo.

3-e Kolekto da abonoj.

4-e Decidoj pri la raporto de S.Jakobs.

5-e Diversaj dezirespriinoj.

Ĉiuj geinstruistoj devas nepre ĉeesti tiun gravan kunvenon!

**La Kunsido de T. E. K. A. anoj** okazis Merkredon je la 2 h. en la Salono de „Kuracista Societo," Radziwiłowska, 4, D-ro Fiŝer faris sian publikan paroladon (por ĉiuj Kongresanoj) „Duonforgesita angulo de Kaŭkazo (Svanetio)". Krom tio en sama loko kaj tempo okazos sekvantaj proladoj popularaj a) D-ro Refael de San Millan — „Gimnastiko kaj atletaj Sportoj" kaj b) D-ro E. Sós — „Pri la historio de dentkuracado kaj tekniko de artaj dentoj." „Lunde je la 6-a vespero en la luksa Salono de „Kurac. Societo" okazis publikaj paroladoj arangitaj de T. S. K. A. Unue la D-ro Gelibter legis pri la Sendanĝereco de ŝegado de infektaj malsanuloj por ŝegistoj kaj poste prof. Odo Bujwid montris sur la lumbildekrano kelkajn mikroskopajn preparatojn, kiuj konatigis la ĉeestintojn proksimume 50 personojn kun plej gravaj bakterioj kaj demonstraciis belegan aparaton por lumbildoj."

**Al ĉiuj gesamideanoj,** vizitontaj ĉefurbon de Bohemujo Praha mi rekomendas varme 2-an eldonon de ilustrita gvidfolio

tra Praha, eldonita de la „Bohema Landa Ligo por akcelo de la turisma movado".

Ĉiuj samideanoj traveturantaj Plzenon bonvolu sciigi per poŝtkarto sian alvenon en Plzen al sro. B. Tittl. Plzen V. Radinská ul. N. 10 Bohemujo — Aŭstrio.

**Al ĉiuj gekongresanoj!** Jaŭdon matene okazos manovroj de Ruĝa-kruco, ĉeestataj de la tuta Kongreso. La organiza Komitato bezonas du specojn de partoprenantoj:

1-e Flegistinoj;

2-e Vunditoj (nur virojn oni enlasos).

Ĉiuj sinoferemuloj, ĉu flegistinoj, ĉu vunditoj, bonvolu konigi siajn nomon, adreson, kaj lingvanecon, la S-ro René-Charles Pichon, ĉu en lia persona loĝejo („Pension de Famille", Straszewskiego 27), ĉu per interkongresana poŝto. Ili ankaŭ, se eble, ĉeestu preparan kunsidon de la manovroj en komerca Akademio, enirejo de „Fakaj Kunsidoj", tria etaĝo, ĉambro 18.

*René Charles Pichon,*
Kongresano 12.

**Subkongreso de studentoj** komencis siajn kunsidojn hodiaŭ je 9 matene. Post multerna parolado de kol. Mareš, oni elektis estraron de subkongreso:

Wl. Gieŕczkiewicz el Lwów prezidanto.
J. Mareš el Lubaŝoviсe vicprezidanto.
Krestanoff el Sofia I. Sekretario.
H. Perl el Königsberg II. Sekretario.

Sekvis paroladoj de delegitoj reprezentantaj diversajn societojn studentajn kaj poste prelegoj pri organizo de la studentaro. Unuan prelegon jus finis kol. J. Malrkiewicz: „Pri Praktikaj bezonoj de esperantista studentaro".

Sekvanta kunsido jaŭde je 2-a horo posttagmeze en Komerca Akademio III.

**Neniu kongresanto** kiu vizitos la ekspozicion, forgesu trarigardi ĉarmajn vitrojn esperantaĵojn, kiujn elmetas firmo Jaroslav Laška el Kamenice nad Lipon (Bohemujo). Ĉiu kongresano havas plej bonan okazon aĉeti tie praktikajn, belaspektajn kaj malmultekostajn eĉ luksajn rememorobjektojn por si kaj siaj gekonatuloj. Atentu la artikolon rekomendan aperintan en kongresa numero de Pola Esperantisto.

**Poŝtaj aranĝoj dumkongresaj** renkontas veran laŭdon de ĉiuj gesamideanoj. Tute prave! Dank' al servemo de Soj Zajaczkowski kaj Ilnicki, superaj poŝtaj oficistoj, la poŝto kongresa funkciadas bonege. Ĉiutaj Soj meritas nian plenan dankon.

**Ricevitaj eldonaĵoj Praha.** Ilustrita gvidlibro por turistoj. Eldonita de Ĉasopis Ĉeských esperantistu, J. 1908. Prezo 60 hel.

La supre citita gvidlibro estas vera modelo, kiel oni devas prizorgi similajn eldonaĵojn. Ĝi konsistas el kelkaj ĉapitroj, priskribantaj la historion, nunan statistikon kaj vizitaĵon de la urbo. La eldonaĵo estas provizita riĉe per fotografaĵoj, kiuj multe pliialtigas la valoron de la gvidlibro. Ni povas ĝin tial juste rekomendi al ĉiuj turistoj. Ankaŭ la vidaĵkartoj el Praha kun klarigaj notoj en Esperanto meritas plej bonan recenzon. Ni gratulas varme al »Biblioteko de Časopis Českých esperantistů«.

»**Anonimuloj**« bonvolos sciigi nin pri siaj veraj nomoj. Nur tiakondiĉe ni povos presigi la artikoleton.

Esperanta Genta Semajno — Gand. Belgujo, 1913. Internacia ekspozicio.

**Prelego pri la vivasekuroj** Pri tiu temo paroladoš vendredon antaŭtagmeze je la $11\frac{1}{2}$a. sinjoro Paul Fellgetren, al la Krakovo kongreso komisiita de la vivasekura kompanio Frideriko Vilhelmo en Berlino (Germ), kiu la unua el ĉiuj asekuraj kompanioj eldonis esperantajn prospektojn kaj cirkulerojn, kaj aperigos iom post iom ĉiujn bezonatajn kaj aliajn formularojn en Esperanta teksto, por ebligi per tio disvastiĝon en la tuta mondo, kaj por samtempe pruvi, ke ĝi konsciiĝis la gravan utilecon de internaciaj, speciale asekuraj aferoj. Ĉiu estas invitita!

# Antoni Hawełka.

Krom Wawel kaj multaj rimarkindaj antikvaĵoj, posedas Krakovo ankoraŭ ion, kio meritas pli grandan atenton, fremdan por aliaj kontinentaj urboj.

Tio ĉi specialaĵo estas multaj en tiu urbo lokaloj manĝmanĝaj, aranĝitaj laŭ tute originala maniero. Tamen inter tiu ĉi amaso de Krakovaj „drinkejetoj", kiel nomas ilin la Krakovanoj, estas plej fama kaj konata la plej malnova de Antoni Hawełka.

En tuta Krakovo kaj en tuta Polujo vere ne estas eĉ unu homo, al kiu tiu ĉi nomo ne estus konata. Konas tiun ĉi nomon bone ankaŭ la eksterlando.

La kreinto kaj estimata posedanto de tiu ĉi firmo ne vivas jam de longe; tamen la firmo, kvankam per alia homo estrata, posedas la antaŭan gloron. Simile kiel Polo ne povas imagi al si Krakovon sen Vavel, kaj ĝia unikva korokiero, tiel ankaŭ li ne povas imagi al si Krakovon sen elpendaĵo kun surskribo „Antoni Hawełka". Krakovanoj estas ankaŭ fieraj je tiu ĉi restoracia firmo.

Ĝi povas esti bona modelo por unuarangaj firmoj eksterlandaj modelo eble ne imitebla koncerne scion de provizado sin per ĉiuj komercaĵoj el la regiono de l' gastronomio. Hawełka estas vera eldorado por amatoroj de bonaj manĝaĵoj!

La nuna posedanto de la firmo, Sro Fr. Maharski, gloras sin per la titolo de „liveranto de imperiestra kortego aŭstria kaj de greka reĝo. Krom tio ankaŭ de Vatikano. Kaj ĝi ne estas nur titolo. La firmo ricevas tre ofte de cititaj kortegoj mendojn pri manĝaj artikoloj, kiujn ne povas kelkfoje liveri ĉeturbaj firmoj.

Hawełko akceptas en sia modesta lokalo ĉiun rangulon vizitantan Krakovon. La plej eminentaj homoj opinias la viziton de Hawełka kiel sian devon, ne malpli gravan ol viziton de Krakovaj konstruaĵoj. Ne timigas ilin malvasteco aŭ manko de ordo. En tiu ĉi direkto la firmo iom lamas, sed oni devas atenti, ke la restado de la vendejo en hodiaŭa ejo estas nur duma. La nuna domo apartenas al la plej malnovaj en la urbo, do neniu mirinda, ke ĝi ne povas plene taŭgi por simila firmo.

Sed la firmo ĉertis por si najbaran domegon, konatan kiel „ Pałac Spiski". Tie, en vastaj, laŭ plej granda komforto aranĝitaj ĉambroj, troviĝos la vendejo, bufedo kaj la restoracio jam post kelkaj monatoj. Tiam malaperus tio, kio povus forinsigi fun de tiel simpatia firmo. Bedaŭrinde tio ne povis okazi antaŭ la Oka Kongreso esperantista, kio vere doloriĝas S-on Maharski. Oni devas do akcepti ĉiume tion kio estas kaj kia ĝi estas. La esperantistoj estas ĉe Hawełka ĉiam plej gastame akceptataj kaj la 4 laborantoj, posedantaj ferte nian lingvon ebligas ĝustan komprenigon. La kuirejo estas dum la kongreso provizita per multaj manĝaĵoj, inter kiuj precipe ĉiu renkontos tie ĉi siajn „naciajn" manĝaĵojn.

La firmo de Hawełka estu do por kongresanoj renkontejo la tiam, kiam siaj stomakoj postulas sanan kaj bongustan manĝaĵon.

# Telegramoj el la Mondo.

## El Rusujo.

**Proceso pri ribeloj en la armeo.** (Petersburg). El Taŝkent oni sciigas, ke tie komenciĝis proceso pri ribeloj en la tendaro de saperoj (pafistoj). La nombro da akuzitoj kalkuliĝas je 128 personoj. Ilin defendas 10 oficiroj, estantaj en aktiva servo.

**Atenco kontraŭ la caro?** (Petersburg. Grandan sensacion elvokis tie ĉi la sciigo de londonaj kaj berlinaj gazetoj, ke en Sebastopolo kaj Odeso oni arestis 10 maristojn kiuj intencis forrabi la caron kaj devigi lin al abdikacio, post kio la maristaro volis deklari Rusujon respubliko. La ribelo de la ŝiparo estis jam delonge preparita. Dum la arestado venis al sanga batalo. Milita juĝistaro kondamnis 10 komplotulojn al la morto.

## El Aŭstrio.

**Pole-rutena interkonsento.** (Vieno) En Ischl estis konferenco inter la ministro de financoj Biliński kaj la parlamenta deputato Wassilko pri la pole-rutena interkonsento.

**Mortigo la policiston.** (Vieno) Hodiaŭ nokte la policisto Sigismundo Sacher arestis pro ekscesado iun Rauscheron. La arestito elprenis tranĉilon kaj vundis per ĝi la policiston, poste li eltiris al li la sabron kaj trapikis lin. La policisto mortis sur la loko.

Rauscher estas arestita.

El la preseje kaj stereotipio de la fratoj E. kaj Dro K. Koziański, Kraków.

Respondeca redaktoro: Maryan Dąbrowski.



# KONGRESA BULTENO

aldono al »ILUSTROWANY KURYER CODZIENNY« al n. 186.

Redakcio, Administracio kaj Ekspedicio Kraków, ul. Kanonicka 1. 16. Telefono 1198.
Ĉefredaktoro kaj eldonisto *Maryan Dąbrowski.*

Prezo de Nro: 10 helcroj.

La „Kongresa Bulteno“ eliras ĉiutage dum la kongresaj tagoj je la 6-a horo vespere.

La redaktanta Komitato: *L. Kronenberg, E. Pfeffer, A. Czubryński*

Nr. 5. KRAKOVO, SABATE LA 17. DE AUGUSTO 1912. Nr. 5.



D-ro Ŝĉepan Mikołajski, redaktoro de „Lvova Kuriero“, prezidanto de la Oka.

## Al Triumfanto.

(Por D-ro Ludviko Zamenhof, en 25-jara esperantista jubilea festo*).

Detruu muron! Sur Panatenejoj
Li prenis laŭron! Trans breĉ' triumfanto!
Nom' Via braos en ĉiuj sanktejoj,
En ĉiuj verkoj kaj en ĉiu kanto,
Kaj venko via ne nur en Hellado
Sed ĉie famos, kiel Olimpjado...

Ho! heronikes! forta Via mano
Kaj mens' potenca, kiel Zeŭsaj tondroj,
Sur brusto Via brilas talismano,
Sur frunto falas de Atene ombroj...
. . . . . . . . . . . . . . . .
. . . . . . . . . . . . . . . . **)

Ne tiel sonas disko en la flugo,
Kitar' kaj fluto ne tiel lamentas,
Ne tiel ŝipo por mar' estas jugo
Kaj ond' riveron ne tiel fermentas,
Kiel vort' via potenca, impona
Kaj kiel sun' hela, kiel or' belsona...

Aŭskultu! Tio de Flimet' abeloj
Zumas, kaj el heroa temp' reson'
De l' rid' homera flugas al oreloj
Kaj fluas, kiel la trankvila ton,
Kaj tio jen de Salamis' voĉ' diras,
Kaj tio tondr' el Termopilo iras...

Ĝin aŭskultante — la hellenodikoj
Sur kapo Via metas laŭrgirlandon,
Kaj ĉiuj Viaj adorant'-amikoj
Aklamas Vian nomon, Vian patrolandon,
Kaj kie de Atene lanco brilas ora,
Staros nun monumento al Vi plenhonora...

Hoŝ! al Akropolo! hoŝ! al Pritanejo!
Al Panteono! Iru la venkinto!
Al via urbo trans rompita ŝtonejo!
Sur la plej alta akropola pinto!
Kaj aŭdu, fiera, kiel murmuro
Flustros al Vi tie: „la tuta Hellado!“...

El pola lingvo tradukis
*Aleksander Bolesław Brzostowski.*

*) Estis jam moro en antikva Hellado, ke la verkinton (hieronikes) sur Panatenejoj, aklamitan de panhelenaj juĝistoj (hellanodikoj) oni triumfe enkondukis trans breĉo la muron al lia hejma urbo. Sur tiu temo, talenta pola poeto Bożydar apogis antaŭ kelkaj jaroj belan versaĵon sub titolo „Al Triumfanto“ kaj dediĉis ĝin, dum jubilea festo de Henriko Sienkiewicz, al tiu ĉi glora romanverkisto. Jen, mi kuraĝas hodiaŭ traduki la saman poezion kaj dediĉi ĝin al nia kara Majstro, kiel ankaŭ vera triumfanto dum la 25-jara jubileo de naskiĝo en Pollando de lia grandega verko.

**) Ĉi tie du versojn forstrekis rusa Cenzuro.

## Zakopane.

En ĉarma monda rondvalo kuŝanta je 850—1000 m. super la marsaptaĵo, ŝirmita de unu flanko per ĉeno de ĉieltuŝantaj Tatroj, de alia per monteto, nomata Gubałówka, disstendis sin, konservante karakteron de granda vilaĝo Podhala, sufiĉe ĥaosa, la plej granda kaj bela sanigejo kaj turista stacio — Zakopane.

De post la tempo kiam D-ro Chałubiński „malkovris“ Zakopane, ĝi konstante disvolviĝas allogante multenombran armeon da gastoj, serĉantaj la plibonigon de sia sano, aŭ turistoj. En 1885 jaro ĝi estis aprobita oficiale kiel sanigejo. Zakopane fariĝas ĉiujare pli forta kunligilo inter ĉiuj partoj de Polujo, viva monumento de nova ekzistado, nova fortikaĵo de pola kulturo, subtenata per la brakoj de la nuntempuloj.

Kiel mi diris, Zakopane estas antaŭ ĉio sanigejo kun monta klimato, kiu taŭgas por kuraci diversajn malsanojn: brustajn, nervajn kaj aliajn; ĝi kunigas ĉiujare ĉirkaŭ dekkelke miloj da kuracgastoj. Ĝi posedas krom tio bone kaj eŭrope aranĝitajn instituojn kuracajn hidropatiajn, de doktoroj Dłuski, Havranek, Chałubiński, ankoraŭ kelke da hoteloj, multe da oportunaj pensionoj.

Koncerne la pitoreskecon, riĉecon, kaj sovaĝecon de la naturo ne cedas Zakopane, sed eĉ superas la diidamiĝitajn regionojn alpajn, ĝi estas do la plej alloga punkto de pola somera kaj vintra turismo. Tamen antaŭ ne longa tempo, de post j. 1874 t. e. en momento kiam aperis Tatra Societo, kiu havas celon „ruĉie esploradi Karpatojn kaj Tatrojn kaj disvastigadi la kolektitajn pri ili sciigojn, akceladi la vizitadon ankaŭ per faciligadi alvenon al siaj membroj, esplorantoj de la naturo kaj artistoj“, la turista movado disvolviĝas jam laŭ plano.

Oni devas konstati, ke ĉi tiu societo plenumis bonege sian taskon, konstruis vicon da montaj rifuĝejoj, signis multe da vojetoj, kiuj kondukas sur la pintojn kaj tenas en sia administrado gvidistojn-montaranojn.

La Tatroj dividiĝas je Altaj granitaj kaj Orientaj kalkŝtonaj.

Altaj Tatroj estas atingeblaj nur de bonaj turistoj kaj estas vizitataj somere de junio, ĝis oktobro. La Orientaj precipe vintre sur ski-veturiloj. Plej ofte estas vizitataj Morskie Oko, kuŝanta meze de montoj ĉirkaŭita per granitaj muroj Mięguszowieckie, Rysy kaj Żabie, plie la belega valo en Tatroj, Kościeliska.

Unutagaj ekskursoj sur Giewont, Czerwone Wierchy, Świnica, Krzyżne tra Zawrat ĝis Morskie Oko, el kiu la lasta estas plej fama, apartenas al la plej popularaj.

El kelkotagaj ekskursoj estas atentindaj Rysy, Gierlach, la plej alta Pinto Tatra (2663).

Neĝo kaj senventa vintro en Zakopane kiu daŭras de 5—6 monatoj ebligis la disvolviĝon de vintro sporto, kiel ankaŭ glit-kaj ski-veturado.

De la jaro 1907 la ski-veturado disvolviĝis neatendite. Pli kaj pli multe da homoj iradas en la montojn, jam multaj pintoj estas atingitaj. Oni vizitas jam preskaŭ ĉiujn pintojn kaj konstruis kelkajn rifuĝejojn. Por kontentigi la bezonojn de amatoroj, kiuj veturadas sur glit-veturiloj, ĝis nun perfektigantaj tian sporton sur deklivoj de najbaraj montetoj, formiĝis societo por konstrui specialan vojon „bobsleighan“ kiu en venonta jaro estos fordonita al publika uzado.

Kiel mi antaŭe memorigis, Zakopane ne estas nur sanigejo kaj turista stacio, sed ankaŭ lulilo kaj tajrujo de zakopane'a stilo kaj ankaŭ konstanta loĝejo de multaj literaturistoj kaj artistoj, kiuj serĉas tie ĉi inspiron.

En Zakopane mem krom Muzeo de Chałubiński, en kiu troviĝas multaj specimenoj de Tatra faŭno kaj kreskaĵaro, Asocio „Kilim“, Metia lernejo estas vizitindaj. Tamen la plej ĉefa altrakto estas la Tatroj mem.

*Konrad Sedlowski.*

## Ekskurso al Zakopane.

**Oni insiste petas la Kongresanojn intencantajn partopreni en la ekskurso al Zakopane, ke ili bonvolu nepre kiel eble plej baldaŭ sciigi pri tio la Komitaton en la akceptejo. Oni starigis jenan provizoran programon: forveturo el Kraków je la 7 (sepa) horo matene alveno al Zakopane je la 11 (dekunua) antaŭtagmeze. Vespere je la 8-a horo okazos je la honoro de alvenintoj la raŭto aranĝita de la S-o Dro Chramiec. Lunde kaj marde okazos ekskursoj en la Tatrajn montojn. La elspezoj por unu persono, enkalkulante la loĝejon, manĝaĵojn, veturilojn k. t. p. oni proksimume taksas je 20 kr. pagote krom la vojaĝ-bileto, kies prezo dependos de la nombro de partoprenantoj.**

**Aliĝu kiel eble plej rapide!**

## Pri la deveno l'arta muziko.

(Greka legendo).

En antikvaj tempoj, longe antaŭ Homero, vivis juna paŝtisto, kiu paŝtis siajn kaprinojn sur la herb-abundaj deklivoj de Parnaso. Por sin amuzi, li tranĉis kanon, boris en ĝi truetojn kaj ludis tre gracie sur tiu fluto. Goje li invitis siajn amikojn, ke ili faru tion saman, ili tamen mokis lin. „Ĉu ne sufiĉas al vi la kanto de la birdoj kaj la melodia voĉo de la junaj knabinoj? Por kio ni bezonas novan muzikon? Sed la paŝtisto ne ĉesis, kaj la junaj paŝtistoj el Parnaso demandis la saĝulojn en Grekujo. „Ho honorindaj saĝuloj", ili parolis, „ĉu ebla estas arta muziko? La honorindaj saĝuloj meditis longe, longe karesis siajn belajn blankajn barbojn, fine tamen ili proklamis la orakolon: „Ne, junaj paŝtistoj, tia muziko estas neebla, ĉar ĝi neniam ekzistis; se ĝi estus ebla, ĝi estus nur sovaĝa mikso de sonoj, netolerebla por niaj delikataj oreloj".

Triumfante revenis la paŝtistoj en sian montaron kaj denove mokis la tro inventeman kolegon. Li tamen estis obstina. Sen ĉagreno li tranĉis kanojn kaj senĉese li invitis al ludado siajn kunulojn. Fine ili konsentis kaj ankaŭ eltiris sonojn de eksterordinara beleco......

Tiel naskiĝis la arta muziko. Ĝi ne superbruis la kanton de la birdoj, ĝi ne mutigis la melodian voĉon de la junaj knabinoj. Ĝi vivas malgraŭ vi, saĝuloj de Grekujo, kaj ĝi vivos tiel longe, kiel longe nur ekzistos art-amantoj.

Simile ankaŭ nia Esperanto ne detruos la naciajn lingvojn, kaj tamen ĝi vivos por la bono de l' homaro.

Dr. STANISLAV SCHULHOF

## ONI SERĈAS ATESTANTOJN.

Mi certe ne bezonas aserti, ke mi veturis al Krakovo, por partopreni la kongreson, sed tute ne, por ke mi serĉu tiajn aventurojn.

Mi ne bezonas tion aserti, ĉar mi jam trapasis la limojn senkondiĉe necesajn por similaj delikataj aferoj, ĉar miaj printempoj estas multe pli nombraj ol la fingroj sur ambaŭ miaj manoj kaj piedoj, eĉ kune kun miaj haroj.

Sed tamen mi havis aventuron, je kiu mi estas tute senkulpa, kiu tute sen mia volo kaj intenco okazis, sed kiu, ho ve, povas efiki en mia familia vivo (mi estas jam patro de familio). Ĝi estas vere stranga, kvankam mi ĝin devas kun honto konfesi, iomete agrabla afero, kiu min renkontis dum la kongreso, sed pro mia tuta posta vivo, kaj eĉ pro la bono de ĉiuj sen siaj edzinoj kongresantaj edzoj, mi serĉas atestantojn, kiuj povus, se ĝi estos necesa, atesti, ke mi estas je tio tute senkulpa.

Kio do okazis?

Tio estas tute simpla, sed tio estos tute certe al mia hejme restinta edzino tute malsimpla eĉ ne klarigebla fakto, kiel ĝi nur okazis.

Kaj ŝi ĝin tute certe ekscios, kvankam mi, por nenio en la tuta mondo, ne montros al ŝi la „corpus delicti", la fotografaĵon de nia senanombra kongreso dum kiun oni faris hodiaŭ matene ĉe kaj sur la deklivo de la nobla kaj malnova reĝa Wawelo.

Mi ĝin certe hejmen ne alportos, sed la fotografaĵoj estos publikigotaj en ĉiuj ilustritaj gazetoj kaj tie ŝi en la plej unua vico ŝi ekkonos kaj ekvidos sian edzon, en stranga pozicio kuŝanta, ho ve, tre proksime ĉe unu bela en nacia kostumo vestita samideanino.

Tute estas kiel mi, la senkulpa bela estaĵo devis sidiĝi sur la malsekan teron kaj tiumaniere mi kuŝis apud ŝi, kvankam ni estis ambaŭ senkulpaj kiel la kolomboj.

Tute ne atente la amasajn fotografaĵojn mi staris sole kaj aparte nur kun mia pola amiko kiam la granda malfeliĉo okazis.

Ho malbenita fotografisto!

Subite aperas antaŭ mi la stranga homo kaj kiel la armea komandanto krias, ho ne, kriegas en miajn orelojn — sidiĝu vin! Sidiĝu vin!

Mi volis ion diri, ion respondi, sed la malfeliĉulo jam min prenis kaj puŝis! Sidiĝu vin, sidiĝu vin!

Mi sidiĝis kaj mi eĉ ne rimarkis ke mi sidas en la plej unua vico kaj krom tio, ĉe unu juna, kaj ho ve, samtempe bela samideanino.

Estante tute malvarma por virinaj ĉarmoj mi tion preskaŭ ne rimarkis kaj lasis min libere treni de mia malfeliĉa sorto.

Mi ankoraŭ eĉ ne okupis la por mi difinitan lokon, kiam la aventuro ŝanĝiĝis en aventuregon. Al la stranga fotografisto ne sufiĉis, ke mi sidis. Alkurinte al mi, ree li komencis krii, kuŝiĝu vin kuŝiĝu vin kaj antaŭ ol mi povis oponi mi jam kuŝis. Ho ve kiel mi kuŝis!

Ĉe mia flanko ĉarma juna samideanino en nacia kostumo, — ne, ne ĝi ne estas ebla, mi volis protesti, mi volis forkuri, sed ne la fotografisto ekkrias — silentu, silentu! Kaj la tuta amaso, eĉ la strato kriis: Silentu, silentu!

Mi silentas, la aparato klapis kaj — ĉio estis jam finita.

Nun la bildo migros tra la tuta mondo, oni min vidos kaj ekkonos en suspektplena pozicio kaj nun al vi imagu kio okazos.

Pro tio, karaj gesamideanoj, kiuj staris en la malbenita momento en mia proksimo, mi vin sincere petas, sciigu al mi viajn nomojn kaj viajn adresojn, por ke mi havu atestantojn, se la kongreso havos por mi malagrablajn sekvojn.

Mi serĉas eĉ la adreson de mia ĉarma najbarino, por ke ŝi atestu, ke mi ĉe ŝi kuŝis kiel la malviva ŝtono, kaj ke mi estis eĉ tiom maldelikata kaj min al ŝi eĉ ne prezentis. Mi nune loĝas en Lubicz str. N-r 22 kaj poste en Pardubice Bohemujo, se mi ankoraŭ viva de la kongreso revenos.

## GRIĈJO.

Rakonto de Ĉeĥov.

Griĉjo, malgrandeta knabo, naskiĝinta antaŭ du jaroj kaj ok monatoj, promenas kun vartistino sur bulvardo. Li estas vestita per longa vata palteto, ŝkarpo, granda ĉapo kaj varmaj galoŝoj. Al li estas sufoke kaj varmege, kaj la aprila suno brilas rekte en liajn okulojn kaj pinĉas la palpebrojn. Tuta lia figuro, mallerta kaj timeme paŝanta, esprimas ekstreman nekomprenadon.

Ĝis nun Griĉjo konis nur unu kvarangulan mondon, kie en unu angulo staris lia lito, en alia — vartistina kesto, en tria — seĝo, en kvara — brulas lampeto antaŭ sanktfiguroj. Se oni rigardas sub liton, oni vidas pupon kun forrompita mano kaj tamburon; post la vartistina kesto estas multo da diversaj aĵoj: ladenbobenoj, paperetoj, skatolo sen kovrilo, disrompita arlekenpupo. En tiu-ĉi mondo krom vartistino kaj Griĉjo ofte estadas panjo kaj kato. Panjo similas pupon kaj la kato — paĉjan pelton, nur la pelto ne havas okulojn kaj voston. El mondo, kiu nomiĝas infanĉambro, la pordo kondukas en spacon, kie oni tagmanĝas kaj trinkas teon. Tie staras Griĉja seĝo sur altaj piedetoj kaj pendas murhorloĝo, ekzistanta nur por svingi pendolon kaj sonori. El manĝoĉambro oni povas iri en ĉambron, kie staras ruĝaj brakseĝoj. Tie sur tapiŝo estas malhela makulo, pro kiu oni minacas per fingro al Griĉjo eĉ ĝis nun. Post tiu-ĉi ĉambro estas ankoraŭ alia, kien oni ne permesas eniri kaj kie montriĝas paĉjo, persono tute enigma! La vartistino kaj panjo estas kompreneblaj: ili vestas Griĉjon, nutras kaj kuŝigas lin dormi sed por kio ekzistas paĉjo — estas tute nekonate. Ekzistas ankaŭ alia enigma persono — tio estas onklino, kiu donacis al Griĉjo tamburon. Ŝi jen aperas, jen malaperas. Kien ŝi malaperas? Griĉjo ne unu fojon rigardadis sub la liton, post la keston, sub kanapon, sed ŝi ne estis tie . . .

En tiu-ĉi nova mondo, kie la suno dolorigas okulojn, tiom estas da paĉjoj, panjoj, onklinoj, ke eĉ vi ne scias, al kiu alkuri. Sed kio estas plej stranga kaj sensenca, tio estas ĉevaloj. Griĉjo rigardas iliajn moviĝantajn piedojn kaj povas neniom kompreni. Li rigardas vartistinon, por ke ŝi solvu lian nekomprenadon, sed ŝi silentas.

Subite li aŭdas teruran piedfrapadon... Laŭ la bulvardo moviĝas rekte sur la amaso da soldatoj, egalmezure paŝantaj, kun ruĝaj vizaĝoj kaj kun betulaj vaporbanaj branĉfaskoj sub brakoj. Griĉjo tuta malvarmiĝas pro timo kaj demande rigardas la vartistinon: ĉu tio estas danĝera? Sed la vartistino ne forkuras kaj ne ploras; do tio ne estas danĝera. Griĉjo akompanas la soldatojn per okuloj kaj mem komencas paŝadi takte.

Bulvardon trakuras du grandaj katoj kun longaj vizaĝegoj, kun elstariĝintaj langoj kaj suprenlevitaj vostoj. Griĉjo opinias, ke al li ankaŭ necesas kuri kaj kuras post katoj.

Halta! krias al li la vartistino, malĝentile kaptante lin je ŝultroj. — Kien vi? Ĉu oni ordonis al vi petoli?

Jen ia vartistino sidas kaj tenas malgrandan trogon kun oranĝoj. Griĉjo preteriras kaj silente prenas unu oranĝon.

Nu, por kio vi prenas? krias lia vartistino, batante lin je mano kaj fortprenante oranĝon. — Malsaĝulo!

Nun Griĉjo kun plezuro levprenus vitreron, kiu kuŝas sub piedoj kaj brilas kiel lampeto, sed li timas, ke oni denove batos lin je mano!

Mian respekton! aŭdas subite Griĉjo preskaŭ super la orelo mem ies laŭtan basan voĉon kaj vidas altkreskan homon kun helaj butonoj. Por lia granda plezuro tiu-ĉi homo prenas al la vartistino la manon, haltas kun ŝi kaj ekparolas. La brilo de suno, la bruo de veturiloj, ĉevaloj, helaj butonoj, ĉio tio-ĉi estas tiel frapante nova kaj ne terura, ke la animo de

Griĝjo pleniĝas per sento de ĝuo, kaj li komencas ridegi.

Iru, iru! li krias al la homo kun helaj butonoj, tirante lin je vesto.

Kien iri? demandas la homo.

Iru! persistas Griĝjo.

Li volas diri, ke estas bone ankaŭ preni kun si panjon, katon, paĉjon, sed la lango diras tute ne tion, kio necesas.

Post mallonga tempo, la vartistino forkondukas de la bulvardo kaj enkondukas Griĝjon en grandan korton, kie ankoraŭ kuŝas neĝo. Kaj la homo kun helaj butonoj ankaŭ iras kun ili. Ili preterpasas zorgeme neĝamasojn kaj slimakvojn, poste laŭ kota mallarĝa ŝtupero eniras ĉambron. Tie estas multe da fumo, odoras rostaĵo, kaj la virino staras apud forno kaj rostas kotletojn. La kuiristino kaj la vartistino interkisas kaj kune kun la homo sidiĝas sur benkon kaj mallaŭte ekparolas. Al Griĝjo, varme vestita, fariĝas netolereble varmege kaj sufoke.

Pro kio estas tio? pensas li ĉirkaŭrigardante. Li vidas malhelan plafonon, fornan forkon kun du kornoj, fornon, kiu elrigardas kvazaŭ granda nigra kaverno…

Panjo, panjo! Li tiras vartistinon.

Nu, nu, nu! Krias la vartistino. — Atendu!

La kuiristino starigas sur tablon botelon, du glasetojn kaj kukon. Du virinoj kaj la homo kun helaj butonoj interfrapetas glasetojn kaj trinkas kelkfoje kaj la homo ĉirkaŭprenas jen la vartistinon, jen la kuiristinon. Kaj poste ĉiuj tri komencas ne laŭte kanti.

Griĝjo sin tiras al kuko, kaj oni donas al li peceton. Li manĝas kaj rigardas, kiel trinkas la vartistino. Li ankaŭ volas trinki.

Donu! vartistino, donu! li petas.

La kuiristino donas al li ektrinki el sia glaseto. Li elstarigas okulojn, sulkigas vizaĝon, tusas kaj poste longan tempon svingas manojn; kaj la kuiristino rigardas lin kaj ridas.

Revenante hejmen, Griĝjo komencas rakonti al panjo, al la muroj, al la lito, kie li estis kaj kion li vidis. Li diras ne tiom per lango, kiom per vizaĝo kaj manoj. La montras kiel brilas la suno, kiel kuras la ĉevaloj, kiel elrigardas la terura forno, kiel trinkas la kuiristino . . . .

Vespere li neniel povas ekdormi. La soldatoj kun branĉfaskoj, la grandaj kaŭtoj, la ĉevaloj, la vitreto, la trogo kun oranĝoj, la helaj butonoj — ĉio tio-ĉi amase kolektiĝis kaj premas lian cerbon. Li sin turnas de unu flanko al alia, babilas kaj fine, ne povante plu toleri sian ekscitiĝon, ekploras.

Vi havas febron! diras panjo, tuŝante per manplato lian frunton. — Pro kio tio povis okazi?

Forno! ploras Griĝjo. — Foriru de tie ĉi, forno!

Kredeble, li tromanĝis . . . decidas panjo, kaj Griĝjo, disŝirata de impresoj de nova jus elprovita vivo, ricevas de panjo kuleron da ricina oleo.

El rusa lingvo tradukis

*D-ro N. Kabanov. I. K.* (Rusujo).

## „Mazepa“ esperante.

Je la nomo de ĉiuj Gesamideanoj mi dankas plej kore la Geartistojn.

*L. Kronenberg.*

Ĉiuj vegeteranaj gesamideanoj devas manĝi en la

UNIKA VEGETARANA MANĜEJO

„PRZYRODA“

strato Krzyia 7 Krakovo.

## LOKA KRONIKO.

Gesamideanoj! Memoru, ke oficiala fotografisto de la Oka estas Vladislavo Gargul (Adreso: Bochnia, Galicio, Aŭstrio), kiu estas preta sendi al Vi ne post la

[…] kongresanoj […]

bone siajn devojn.

**Internacia Ligo de Esperantaj Poŝtoficistoj** (Idepo) havis sian duan kunsidon merkrede la 14 an je la 2 posttagmeze. Ĉeestis la reprezentantoj de 5 nacioj. La prezidanto A. Behrendt el Breslau raportas pri la diskutoj de la unua kunsido kaj komunikas, ke la protokolo estos publikigata en la kongresa bulteno.

Ĉar oni devas elekti la prezidanton por la sekvonta jaro, la unua prezidanto proponas, ke oni reelektu lin: li opinias ke la parto de la laboro, farota de li ankoraŭ ne estas finita, sekve li deziras resti sur sia posteno. Unuanime oni konsentas.

La dua punkto de la tagordo. Kvankam la unua ne sufiĉas, kaj ankaŭ jam ne sufiĉis, la prezidanto opinias, ke ne estas rekomendinde ŝanĝi la regularon aŭ strigi novan. La lasta jaro montris, ke kaj kiel oni laboras eĉ havante ne taŭgan regularon. Plie-ĉar diversaj aferoj, ekzemple la membreco de naciaj asocioj aŭ grupoj, ankoraŭ ne estas sufiĉe diskutitaj kaj praktike provitaj, oni konsentas prokrasti revizion de la regularo. La prezidanto asertas, ke li demandos ĉiam la opinion de la diversaj estraroj de naciaj asocioj, kaj ke li konsideros la prezidantojn de la naciaj poŝtligoj aŭ kiel anojn de Idepa estraro. Oni aprobas tian agmanieron.

Plue la prezidanto kiel redaktoro de „Poŝta Esperantisto petas pri kunlaboro tiel en la kvarlingva vortaro kiel en la alia parto de l' jurnalo.

Kun reciprokaj bondeziroj kaj dankovortoj oni adiaŭas unu la alian, post kiam la prezidanto speciale laŭdaprobis la aranĝon de la kongresa poŝtoficejo, kiu tre kontentige funkcias. La kunsido estas fermita je la 3 posttagmeze.

**Informa klarigo.** Pro rapide oni notis, ke la Popolkantojn, kantitajn dum la Jubilea festvespero verkis Moniuszko, anstataŭ Gall, kiu harmoniigis tiujn ci kantojn.

La ĥoron direktadis S-ro W. Barabasz, prof. de la Krakova muzika konservatorio.

**Kiu forprenis** Inkoplumon el la Skriboĉambro bonvolu redoni ĝin al la Sekretariejo.

**Internacia Societo de Esperantistaj Juristoj.** Sub prezido de S-ro de Wierzchowski, imp. reĝa senatano, la ĝenerala Kunveno okazis lundon 12-an. Oni aŭdis la raporton de la Generala Sekretario Sro Degon. Hodiaŭ 14-an okazis dua kunsido dum kiu oni elektis kiel prezidanto, por anstataŭi S-ro Blott, S-ro de Wierzchowski, jam vic-prezidanto por Aŭstrio. Oni pritraktis diversajn temojn precipe pri la rilatoj kun la centra oficejo de internaciaj asocioj en Bruselo, kies la organo „Vivo internacia“ estos resume represita a la Revuo, por la zorgoj de nia societo. — Oni decidis ke okazos vendredon' tua labora kunsido, je la dua, en la sama loko.

La sama tagon je la unua, la Juristoj kunvenos, en la kafejo Bisanz, 2 Karmelicka Str. Estas petataj siujoroj kaj fraŭlinoj honorigi la kunvenon por sia ĉeesto.

**Grava avizo.** Oni petas ĉiujn kongresanojn partoprenantajn en la ekskurso al Zakopane, ke ili bonvolu aliĝi sabate antaŭtagmeze je la 12 horo en la akceptejo, por ekscii la detalojn de la ekskurso.

**Al ĉiuj gesamideanoj** ni rekomendas en Zakopane la firmon de Z. Bembowski, provizisto por ĉiuj turistoj.

**Internacia Scienca Asocio Esperantista.** Merkredon je la 2a posttagmeze okazis la unua kunveno de la anoj de la I. Scienca A. E.

[…]

Fine So Bujvid invitis la anon de la S. A. ĉeesti paroladon kaj montradon de aparato por likvigi la aeron, de So Wladyslaw Grodzicki, kiu okazos vendredon, je la 100 matene, Radziwiłowska 4 proksime de la stacidomo, ĉambro de kuracisto. —

— La 2a kunsido okazos sabate, je la 11a matene.

**Paroladoj.** Morgaŭ je 5 okazos en Malnova Teatro parolado de Sano Devjatnin konata verkisto esperanta kaj L. Komitatano je la temo „Parkurbo Esperanto“. Pri la sama temo parolos poste Seno Leopold Schlaf, komerca direktoro de la „Parkurbo Esperanto“; So D-ro Kandt el Bromberg kaj la ĝen. sekr. de U. E. A. Sano Fleck. La temo interesigos certe ĉiujn gesamideanojn. La entrepreno estas tute serioza, ĉar ĝi posedas jam nun la kapitalon de 2,000000 da markoj. Centra oficejo en Munheno estis jam vizitita de multaj konataj esperantistoj, kiuj ĉiuj tre laŭdas.

**IIIa Kongreso de U. E. A.** La unua labora kunsido de U. E. A. okazis merkredon matene en aparta ĉambro de la Komerca Akademio sub prezido de Sro Mudie. Post egalo de financa raporto de Sro Stettler, financa fakestro, diskutiĝis la demando pri plialtigo de la jara kotizaĵo. Char ĉiuj konsentis, ke la servoj de Esperantio valoras certe pli ol duono da spesmilo, dezi-

resprimo estis alprenata ke la jara kotizaĵo estu proksiman jaron je 1 Spesmilo.

Proksima kunsido okazos vendredon matene je la 9a horo precize en la ĉambrego de la Komerca Akademio rezervita al V. E. A. Ĉiuj Esperantianoj bonvolu aĉeti en la Kongresa Oficejo de V. E. A. la Kongreskarton. *L. Poncet.*

**Esperantia karavano el Krakow** U. E. A. komisiis Srojn Génermont (sub-del. en Paris) kaj Poncet (kons. en Lyon), por organizi Esperantian karavanon el Kraków al German-Lando Svislando kaj Francolando, kun vizito de la urboj Praha, Dresden kaj Nürnberg. Forveturo el Kraków dimanĉon vespere je la 7a h. 44. Minimuma prezo: 60 Spesmiloj ĝis Lyon. Precizajn prezojn al ĉiuj urboj, kaj detalan programon komigos Sro Poncet sabaton matene je la 10a h. ½ tuj post la finiĝo de la kunsido de U. E. A. en sama ĉambro. Aliĝoj estos akceptataj ĝis sabato tagmeze; sin turni al la Oficejo de U. E. A. en aparta ĉambro de la Komerca Akademio.

**Du Napoleonoj.** Dem: Kia estas la diferenco inter Napoleono la Ia kaj Napoleono la VIIIa? Resp.: Napoleono la venkis la popolojn de Eŭropo; Napoleono la VIIIa venkis la popolojn de la tuta mondo. *H. Hurler.*

**Kunsidoj de T. E. K. A-anoj dum Oka.** La 12-an, 14-an kaj 15-an de Aŭgusto en belega Salono de Krakova kuracista Asocio okazis kunsidoj de membroj de la Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio, alie nomata simple T.E.K.A. Krom multenombraj polaj esperantistaj kuracistoj (in-[...] prof.

[...]

kovon la ĉeestantaro esprimis pro tio sian grandan bedaŭron kaj decidis sendi el prof. Dor telegrafe siajn korajn bondezirojn de baldaŭa resaniĝo. Telegramojn al sendis ankaŭ D-ro Krikortz el Stockholm kaj Bohema Esperantista Unio. Laŭ la propono de la prezidanto ĉeestantoj ekstaris por honorigi memoron de tri mortintaj lastatempe T. E. K. A-anoj, nome de: D-ro Robin el Bukareŝto, D-ro Kurschort el Wiesbaden (Germanujo) kaj prof. Emmert el Bern (Svislando). Post la tralego de raportoj de sekretario de T. E. K. A., D-ro Rottschuh el Aachen (Germanujo) kaj de kasisto, D-ro G. Johnston el Londono, unuanime akceptitaj, oni komencis diskuton pri la nova projekto de statuto (regularo) de T. E. K. A. kaj oni decidis, ke elektita dum la kunsido speciala komisio, konsistanta el D-ro Chybczyński (Varsovio), D-ro Mikołajski (Lwów) kaj D-ro Sidlovskij (Moskvo) opinias antaŭ Novjaro, kio en la projekto de D-ro Chybczyński estas ŝanĝota. Poste komencis tre longedaŭraj, sed tamen la tutan tempon tre viglaj diskutoj de ĉeestantoj pri la organa afero. Rezulte oni elektis kiel ĉefredaktoron de organo de T. E. K. A. D-ro Chybczyński (Polujo) kaj oni decidis, ke en ĉiu lando estu starigotaj po unu aŭ pli da kunredaktoroj, kies tasko estos kolekti bonan materialon en sia lando por la

[...] son-Johnston (Dublin), D-ro G. Johnston (Londono) kaj D-ro Rothschuh (Aachen), kies celo estos klopodi, ke dum estontjara XVII Internacia Kuracista Kongreso en Londono Esperanto havu en ĉiuj sekcioj la samajn rajtojn, kiel ĝisnunaj oficialaj lingvoj de kongreso. Poste dum la dua kaj tria kunsiĉo okazis pure sciencaj prelegoj de D-ro Sós el Wien (Novaj metodoj en dentkuracado), D-ro Dubrowicz el Varsovio (pri salvarsano) kaj D-ro Fiŝer el Tiflis (Pri eksteruter gravedo) kaj oni tralegis (pro foresto de aŭtoro) artikolon de D-ro Mosel el Svislando (Pri aktinomikozo). En posprelegaj diskutoj partoprenis multaj ĉeestantoj. Antaŭ fino de lasta kunsido oni petis Prof. Bujwid, ke li bonvolu esprimi al Krakova Kuracista Asocio en nomo de T. E. K. A. grandan dankon pro la afableco, dank' al kiu dum tuta kongreso estis disponebla al T. E. K. A. tiel bela kaj komforta apartamento. Post la kunsidoj oni fotografis ĉeestantojn apud la domo de Krakova Kuracista Societo.

## Internacia balo.

[...]

## De la Redakcio.

Hodiaŭa numero de la „Kongresa Bulteno" estas la lasta. Fermante do nian kongresan gazeton ni dankas antaŭ ĉio plej kore ĉiujn niajn samodeanojn, kiuj nian gazeton volonte favoris. Ni dankas ankaŭ la redakcion de pola Krakova gazeto „Ilustrowany Kuryer codzienny; kiu aldonadis nian „Bultenon" al siaj abonantoj. Ni scias, ke nia gazeto ne estis senerara, tamen senkulpigu tion al ni, kuraj gesamideanoj, ĉar ni faris ĉion, kio nur estis ebla.

*La Redakcio.*

P. S. La kolekton de ĉiuj numeroj de la „Bulteno" oni povos ricevadi en la Redakcio str. Karmelicka 16. Krakovo.

## Telegramoj el la Mondo.

### El Hispanujo.

**Strikoj en Hispanujo.** (Madrido). La transportaj laboristoj komencos striki en la plej proksima dimanĉo. La striko de presistoj estas ankaŭ baldaŭ okazonta. La metalaj laboristoj kaj la komerca servistaro verŝajne proklamos strikon ĝeneralan.

La kelneroj en kafejoj hodiaŭ komencas striki. La masonaj laborlonantoj rifuzis la intervenon de arbitracia juĝantaro.

**Saragossa.** La strikantoj certigas, ke la striko estas pure ekonomia.

### El Francujo.

**Miliona bankroto.** (Parizo). La bankista firmo Poullvet en Autin ĉesi elpagi. La deponito kalkuliĝas je 5 milionoj. Oni timas, ke tiu bankroto tiros post si tutan vicon da provincaj firmoj.




## Anoncoj.



El la presejo kaj stereotipio de la fratoj E. kaj Dro K. Koziański, Kraków.

Respondeca redaktisto: Maryan Dąbrowski.